Va jaro. — No 68 | Unu numero : 6 SPESDEKOJ (15 centimoj) | 20 Decembro 1909

# ESPERANTO

OFICIALA ORGANO DE UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

KAJ DE INTERNACIA INSTITUTO DE ESPERANTO

Duonmonata Internacia Gazeto

*Direktoro : HECTOR HODLER*



## Dum la lasta duonmonato

La VIa Esperantista Kongreso okazos la 14-20 de Aŭgusto 1910 en Washington.

La Ia katolika Kongreso, en kiu oni parolos nur en Esperanto, okazos dum la Paska semajno 1910, en Parizo.

La nombro de la Esperantiaj Entreprenoj superas 100.

## Bondeziroj

Okaze de l'kvindekjara datreveno de la naskiĝo de Doktoro Zamenhof, la Komitato de U. E. A., en la nomo de ĉiuj Esperantianoj, kaj la redakcio de ESPERANTO, fervoraj admirantoj de lia grandioza verko, kaj fieraj batali por ĝia realigo, esprimas al nia kara majstro siajn plej respektplenajn gratulojn por prosperero kaj longa vivado.

Al ĉiuj siaj legantoj kaj amikoj, al ĉiuj siaj sindonaj kunlaborantoj, ESPERANTO sendas, okaze de la nova jaro, siajn plej korajn bondezirojn. Sian ĝisnunan bataladon por Esperantismo ĝi daŭrigos kun tiom pli da energio kaj konfido. ke jam ekaperas la fruktoj de ĝia trijara agado inspirita de la samaj principoj. Sin fortenante de ĉiu vana polemiko kaj diskutado, ŝatante antaŭ ĉio la pozitivan agadon gvidatan de klara idealo, ĝi kun la helpo de sia legantaro daŭros laŭ sia povo labori sur la vojo de ĝi elektita, tio estas, por la konkreta efektivigo de la idealo de Esperantismo, ne de sole lingva Esperantismo, kiu por ĝi estas nur unu aspekto de la demando, sed de plena socia Zamenhofa Esperantismo, kiu lumigas, kiu al ĉiuj spiritoj modernaj malfermas novajn horizontojn, kiu super la gentaj apartajoj prezentas neŭtralan kampon por harmonia kunlaborado kaj lojala interkomunikado tiel materiala kiel morala.

Al la legantoj, kiuj nin aprobas, la tasko nin helpi !

ESPERANTO.

## Ĉekbanko Esperantista

Kiel diris nia fervora kunlaboranto, So Th. Rousseau en sia artikolo pri « Ekzamenoj kaj Diplomoj » lastan monaton, tro multaj samideanoj scias nenion aŭ nur malmulte pri niaj internaciaj entreprenoj, kaj ĝenerale pri nia movado. Ĉiutage el ĉiuj partoj de la mondo ni ricevas demandojn pri la celo kaj utileco de la ĉekbanko, spite la artikoloj kaj avizoj aperintaj en la diversaj esperantaj gazetoj dum la lastaj dekkvin monatoj. Eĉ delegitoj kaj konsuloj de U. E. A. scias nenion pri la nova propaganda entrepreno de nia fama kaj sindonema « ŝlosilisto » E. Ĉefeĉ — kvankam ĝi estas esperantia entrepreno.

Ĝia celo estas triobla : Unue, konatigi nian lingvon al ĉiuj komercistoj, industriistoj. bankistoj kaj aliaj personoj interesataj en monaj aferoj. La ĉekoj de la banko estas redaktitaj en Esperanto. Due, akceptigi iom post iom la ĝeneralan uzon de internacia monunuo, bezono akre eksentita de ĉiuj esperantistoj kaj neesperantistoj, kiuj kavas monajn aferojn kun aliaj landoj. La monunuo uzata estas la spesmilo. Trie, — kaj jen estas la ĉefa celo — forigi por la aliĝantoj de la banko ĉiujn nune ekzistantajn maloportunajojn rilate al la sendo aŭ ricevo de poŝtmandatoj.

Ĉiu scias ke pro kialoj ne konataj de la publiko la registaroj de la ĉefaj nacioj ĝis nun ne povis akordiĝi pri monsendajoj.

En kelkaj landoj, Aŭstrio, Belgujo, Germanujo, Italujo, Svisujo, k. t. p. komunikajoj destinitaj por la adresito povas esti skribitaj sur la mandato mem, ĉar la originalaj mandatoj estas transdonitaj al la ricevonto. En Britujo, Francujo, iliaj kolonioj, kaj aliaj landoj, la poŝto faras tute novajn mandatojn kaj ofte la adresito ne scias kiu sendis la monon kaj kial.

En Hispanujo kaj ĝiaj kolonioj estas ankoraŭ tute alie : poŝtmandato ne ekzistas ; do, se hispana Esperantisto volas aboni jurnalon eksterlandan aŭ se alilandulo deziras aĉeti iom en tiu lando, ili nur povas pagi la fakturojn per poŝtmarkoj — kaj multaj firmoj rifuzas tiujn pagojn.

Per la ĉekbanko tiuj diversaj malfacilajoj estas neniigitaj. Plie la sendo de mono en iun ajn parton de la mondo fariĝas tute malkara. Por Sm 0,04, aliĝanto de la Banko povas pagi al iu Esperantista eldonisto, esperantia entrepreno aŭ alia konthavanto la plej malgrandan aŭ la plej grandan sumon. Li nur bezonas uzi la transpagilon laŭ la maniero montrita per la reproduktajoj videblaj sur alia paĝo de tiu jurnalo.

Ĉiuj konthavantoj, firmoj aŭ privatuloj akceptas ilin plenvalore. Povas malfermi konton, ĉiu persono aŭ firmo, esperantista aŭ ne — donante almenaŭ du kontentigajn referencojn kaj pagante en sian krediton minimuman sumon da 10 Sm.

Ĉiuj samideanoj senhezite devas tuj aliĝi la Ĉekankon. La Delegitoj, konsuloj kaj aliaj Esperantianoj montru la ekzemplon. Ju pli multaj estos la aliĝantoj, des pli utila kaj praktika fariĝos la entrepreno. Ĉiu memoru, ke la ĉekbanko ne estas komerca entrepreno celanta mongajnon, sed propaganda eksperimento. La regularo kaj ĉiuj necesaj klarigoj aŭ informoj estas riceveblaj de la Ĉekbanko mem (1).

P. BLAISE.

(1) Merton Albey, London S. W.

## SOCIA VIVO

### JURO

**Ĥinujo fariĝas konstitucia regno**

La registaro de Ĥinujo rapidas enkonduki regnajn reformojn Ankoraŭ ne longe, kiam oni aŭdis, ke en Ĥinujo oni organizas memadministradon, kiam kelkaj menfadministracioj estis dispelataj de la lokaj guberniestroj, multaj pensis, ke nun ne estas tempo por tiaj reformoj. Tamen la registaro pensas alie. Ni nun ricevis informojn, ke la ĉefa komitato por la enkonduko de konstitucia administrado en Ĥinujo definitive decidis kunvoki la popolajn reprezentantojn en aprilo de la estonta jaro. La Parlamento estas malfermata en majo. La kunvoko de la reprezentantoj, unu monaton antaŭe estas bezonata pro la noveco de l'afero, kiu postulas pretajojn.

Estas definitive decidita, ke la reprezentantoj de ĉiuj provincoj estos nombre 100. La provincoj elektas de du ĝis naŭ membroj, laŭ sia graveco. Estas certa fakto, ke la ĥina registaro decidis reformi la ĥinan monarĥion per konstitucio. La Ĥina popolo nun estas allogata al memadministrado. El multaj lokoj estas sendataj diversaj informoj, kun kiuj nin konatigas la ĥinaj gazetoj.

La manko de difinitaj instruckcioj, kiuj fiksus la kompetentecon de la urbaj administracioj malfermis vastan kampon por la klarigoj pri la novaj institucioj.

La reprezentantoj de la loĝantaro enirintaj kiel membroj de la administracioj komencis energie labori. Opiniante, ke oni al ili komisiis decidi aferojn politikajn kaj ankaŭ pretigi projektojn de novaj leĝoj, ili pritraktas diversajn demandojn. Ekzemple en Girin, dum la unua kunsido de la provincaj reprezentantoj, estis inter aliaj esprimita protesto al la registaro pri la japan-ĥina traktato rilate al Manĝuriaj demandoj, ĉar ĝi alportas malutilojn al la intereso de la ĥinoj, kaj peti la tronon, ke ĝi punu la ministron, kiu subskribis la interkonsenton. Alia rezolucio estis sendita de kunsido de la reprezentantaro de Gila provinco.

Tiuj agoj certe ne plaĉas al la ĥinaj altranguloj, kutimintaj administri unupotence, precipe en aferoj internaciaj. Jam estis okazoj por dispelado de urbaj memadministracioj. Ankaŭ la centra organo de la memadministracioj en Pekino (konstitucia komitato) ricevis multajn petojn de provincaj guberniestroj pri klarigoj de la urbaj administrantoj.

A. Borisov (Ĥarbin).

### GEOGRAFIO

**La loĝantoj de insulo Maŭricio**

La loĝantaro de tiu insuleto, perdita en la mezo de la Hinda Oceano, estas tre heterogena. Surpriza, vere, estas l'aspekto kiun prezentas tiuj diverskoloraj homoj, superfluante Port Louis, la ĉefurbo. La noblamienan filon de l'maljuna Eŭropo, oni renkontas, ĝis la kupro koloran filon de l'Ĉiela Imperio, kun faldetitaj okuloj. La Eŭropanoj, kun siaj posteuloj, estas la kondukanta klaso, kaj kalkulas komercistojn, kuracistojn, advokatojn registaroficistojn, k. a. La malalta klaso, nomita kreol'oj, konsistas el Hindoj-Maŭricoj.

Ĥinoj-Maŭricoj, kaj aliaj miksajoj, estas plej multe laboristoj sed precipe metiistoj. Ili montras, per siaj laborajoj mirigantaj la fremdulon kiuj ilin rigardas, ke ili posedas sufiĉe da inteligenteco por esti kapablaj konstruistoj, meĥanikistoj, ĉarpentistoj, k. t. p. La membroj de ambaŭ klasoj ĝenerale apartenas aŭ al la protestantismo aŭ al la katolicismo.

La Ĥinoj estas laboremaj, komercemaj, kaj ĉie posedas butikojn. Ili estas Budhistoj kaj, en Port-Louis, havas pli ol unu pagodon en kiun ili kunvenas. Unu monaton daŭras iliaj ĉiujaraj festoj.

Moŭricion ankaŭ loĝas enmigrintoj el Arabujo kaj Hindujo. L'Araboj, pli riĉaj ol la Hindoj, estas eminentaj komercistoj. Ili sekvas la religion de Mahometo, ne trinkas vinon kaj ne manĝas porkajon.

La Hindoj kalkulas soldatojn, terkulturistojn, komercistojn, plantistetojn, kaj multnombrajn sukerfabrikejajn Laboristojn. Ili estas Bramanoj kaj posedas templojn en diversaj partoj de la lando El tiu sekto, deveniĝas kelkaj « Parsiz » el Bombe'o kaj la « Surniz » kaj « Kaĉi Majmans » kiuj, tamen, estas Mahometanoj.

Krom ĉiuj tiuj, ekzistas, fine, la « Laskaroj », Mahometanoj, kies feston ĉiujaran, nomitan « Jamse », ili solenigas per procesio en la orienta parto de la ĉefurbo. La festoj kiuj daŭras dekunu tagojn, al multaj, prezentas bonan okazon por promenadi kaj amuzi.

A. J. Lebrasse (Del. Port-Louis).

### PEDAGOGIO

**Ne plu da mallaboremuloj**

Ne kredu, ke mi elektis tiun titolon sur la 4a paĝo de l'jurnaloj, inter la plej bona ĉokolado kaj la neerarema kuracilo kontraŭ la senhariĝo. Estas pedagogia gazeto, « *La moderna Edukisto* » kiu havigas al ni tiun netakseblan universalan kuracilon per la plumo de kuracisto, kiu nuntempe estas unu el niaj famaj higienistoj.

Kiam do oni ĉesos taksi la mallaboremon kiel kulpon indan je ĉiuj severajoj de la instruistoj kaj gepatroj ? Nu, tial ke infano ne scias sian lecionon, lia profesoro kopiigos ĝin al li, aŭ liaj gepatroj senigos lin je deserto aŭ promeno ! Sed nek riproĉojn nek punojn meritas tiu infano ! Kuracadon li bezonas, estas ĉio ! « La instruistoj, diras D-ro Pauchet, devas esti konvinkitaj, ke mallaboremo *ĉiam havas korpan devenon*, kaj ke oni devas celi ne puni, sed resanigi. »

Tio ja estas klara. Oni ne riproĉas al lernanto havi gripon aŭ tifan febron. Se la mallaboremo estas malsano, ne plu da punoj, elirmalpermesoj, enŝlosigo aŭ elpelo ! Anstataŭ irigi la infanojn al la enŝlosiĝo, ni de nun alsendos ilin al kuracisto.

Kaj kiaj estas la kaŭzoj el korpa fako, kiuj klarigas kaj pravigas la mallaboremon ? D-ro Pauchet, tre precize, eltrovis ĝis kvaro da ili.

Aŭ la mallaboremulo vidas malbone. Kaj, se li malbone vidas, kial vi postulos, ke li sekvu la klarigojn de l'profesoro je la nigra tabulo aŭ muraj lankartoj ? Lia atento laciĝas, li iĝas izolulo en la lernejoĉambro, fremdulo por ĉio, kio estas farita ekster lia vidkampo. Konduku lin al okulkuracisto.

Kiam ne estas la vido, kiu difektiĝas, estas la aŭdo. Se la infano aŭdas malbone, tuj li perdas la interrilaton de l'profesoroj vortoj aŭ la kamaradajn klarigojn. Pro tio, kian intereson havos por li tiu konfuza zumado, kiu nomiĝas kurso ? Rapidu konduki lin al orelkuracisto.

Ankaŭ okazas, ke li malbone spiras. « Unu, diras D-ro Pauchet, havas la gorĝon plenigitan je « adenoidoj », kiujn oni devas forskrapi ; alia spiras kun malfermita buŝo, kaj oksigenigas malbone sian sangon. Tria havas mallarĝan bruston, ĉar liaj gepatroj aŭ instruistoj ne instruis lin bone spiri. Ne perdu tempon. Rapide alkuru al specialistoj de l'gorĝo kaj laringo.

Kaj la aliaj ? Tiuj, kiuj havas bonajn okulojn, delikatan orelon kaj fortikajn pulmojn ? Atendu iom. D-ro Pauchet tuj malkovros al ni la kirasdifektajon : « Li estas ido de podagrulo, grasegulo, diabetulo, kapdolorulo, ekzemulo aŭ neŭrasteniulo. Li naskiĝis mallaborema, kaŭze de l'malakcelo de siaj vivigaj funkcioj. Malforta estas lia muskola « tonuso ». Malrapidaj estas liaj korbatoj kaj « refleksoj ». La analizo de l'urinoj montras, ke ili estas toksaj kaj ŝarĝitaj per urinacido. La analizo de l'defekajoj, la esploro de l'hepato pruvas, ke la digesta tubo estas la sidejo de intestaj fermentoj, kiuj plipezigas la inteligentecon kaj paralizas la cerban laboremon. Kiu malspritajo puni la infanon, kaj precipe enŝlosigi lin, kopiigi al li skribajliniojn, senigi lin je libertempo, kiun li bezonas pli ol iu ajn ! »

Ĉiam estas sama konkludo ! La puniganta pedagogio malpliiĝas ĝis nulo. Se ĉiuj mallaboremuloj estas malsanuloj, ili ne estas respondaj pri sia mallaboremo, kaj sekve, la kuracilaro kaj ne la lerneja disciplino devas zorgi pri ili. Tio, kion ili bezonas, estas vegetara nutrado, faruno kaj greno, fruktoj kaj laktajo. Estas ripozo post la tagmezomanĝo, « aerbanoj » kaj precipe « sunbanoj ». Por ili, ni kreu plenaerajn lernejojn.

Sed ĉu D-ro Pauchet ne trograndigis ? Ĉu li estas tre certa, ke ne ekistas sanaj mallaboremuloj, kaj tre bonaj lernantoj kies farto ofte estas malbona ?

« Multajn infanojn mi ĉiujare instruas, diris al mi antaŭ ne longe profesoro, al kiu mi parolis pri la teorio de D-ro Pauchet ; kaj mi povas certigi al vi, ke sufiĉe ofte mi havas je la unua rango en mia kurso, infanojn, kiuj estas miopaj aŭ surdetaj ; aliajn, kiuj havas malfortan bruston aŭ delikatan stomakon, dum apud ili malhumile staras vigluloj tre bone plantitaj, kiuj povas maltimi ĉiujn medecinistajn vizitojn, tute ne riskante esti rekonataj malsanaj. »

Sed ĉu la kuracistoj ne havas emon ĉie vidi malsanulojn, kaj envicigi en terapion ĉiujn fenomenojn ? Ĉu ĉiufoje kiam okazas granda kriminala proceso, ne estas specialistoj, kiuj penas pruvi la nerespondecon de l'kulpigato, kiuj postulas la anstataŭon de l'juĝanto per frenezkuracisto, kaj de l'malliberejo per « sanatorio ? Se mi estus instruisto en Amiens'o, mi ja tre volonte farus la jenan eksperimenton :

Mi, senescepte, aesendus ĉiujn miajn lernantojn al la vizitejo de D-ro Pauchet. Li ekzamenus ilin kun la skrupula atento kaj la diagnozcerteco, kiuj famigis lin. Li certe ignorus iliajn emojn kaj lernan valoron. Kaj li plenlibere starigus, por ĉiu el ili, medicinan signeton rilatantan la kvar korpajn difektojn, kiuj al li ŝajnaj la solaj kaŭzoj de l'mallaboremo. Tiujn de la kuracisto liveritajn signetojn mi komparus kun notoj merititaj de ĉiu lernanto kaj kun rangoj ricevitaj en la konkursaj taskoj. Fine, tiun laboron plenumitan, ni vidus ĉu, vere, ĉiuj mallaboremuloj estas malsanaj, kaj ĉu ĉiuj malsanuloj estas mallaboremaj.

A. Balz, trad. F. Roy (Vicdel. Grenoble.)

### IDEOJ & FAKTOJ

**Por la unuiĝo de la Amerikaj respublikoj. — La tut-amerika oficejo en Washington.**

Dum la Eŭropa familio — ĉu oni povas doni tiun nomon al nia malnova kontinento — prezentas la bildon de plena malkonsento, akra ĝis malamikeco ; dum malsaĝaj konkuroj, envio, ĵaluzeco, malkonfido inspiras la agojn de la plej multaj registaroj, dum la preparado al milito inspiras la agojn de la plej multaj registaroj ; dum sensencaj sumoj estas elprenitaj kontraŭ la vivinteresoj de la nacioj ; dum oni kurbigas la popolojn sub pezego de impostoj kaj ŝarĝoj militistaj ĉiuspecaj kaj vera anarkio regas en la politika direktado de la regnoj, tial ke ĉiu el ili kulturas falsan patriotismon, ambaŭ Amerikoj preparas potencan ligon kaj aplikas la devizon tiel malŝatatan en Eŭropo : « Unueco kreas fortecon ».

La Usona registaro, antaŭ 20 jaroj, formis la projekton krei ligilon inter la 21 respublikoj de Ameriko. La ideo ĝermis en la cerbo de ŝtatsekretario Blaine. En 1889 li kunvokis la reprezentantojn de ĉiuj en Washington. Malgraŭ kelkaj malkonfidoj, ĉiuj regnoj sendis delegitojn al tiu unua tutamerika konferenco. El tio sekvis ĝenerala arbitracia traktato kaj la naskiĝo de oficejo por la administrado de la unuiĝaj aferoj. Du aliaj kunvenoj okazis en Meksiko (1901) kaj Rio (1906).

Parolante pri unuiĝo oni ne devas kompreni politikan unuiĝon similan al Usono, sed jam ekzistas karakteriza grupiĝo de la 21 respublikoj, nome la tutamerika oficejo, kies sidejo estas en Washington. Ĝi konsistas el iliaj diplomataj reprezentantoj ĉe la Usona registaro kaj estas prezidata de la ŝtatsekretario, la unua politika homo en Usono, post la prezidanto. Responda direktoro balotita de la reprezentantoj, administras la oficejon.

Apud la granda parko van Ness, en Washington, stariĝas nun grandega konstruajo, kiu estos la simbolo de la interkonsento de la Amerikaj regnoj. Ĝi kostos du milionojn da $. S-ro Carnegie, la fama riĉegulo, donacis 1.500.000 $ ; la aliaj regnoj donas la ceteron. La grandeco de la palaco pruvas, ke oni konfidas pri la estonta pligrandiĝo de la servoj de l'Tutamerika oficejo. Tiu ĉi jam posedas bibliotekon da 15.000 volumoj pri geografio, historio, statistiko, politikaj kaj socialaj institucioj de ĉiuj regnoj. La asocianoj partoprenas en la pagado de la administraj elspezoj proporcie kun la loĝantaro.

Kia estas la celo de la oficiala tutamerikanismo organizita en la ĉefurbo de Usono ? Unue, progresigi la komercon kaj trafikon, poste faciligi la rilatojn inter la amerikaj respublikoj, ebligi, ke poste ili povu pli bone koni unu la alian. Tiel estas la oficiala programo. Rimarku ĝian praktikan saĝon : oni deiras el la komerca vidpunkto por formi centran organizon, kies graveco superos la komercan kampon. En Eŭropo oni neniel ignoras la solidarecon de interesoj kaj bezonoj inter la regnoj, sed anstataŭ el tio disvolvi la principon de interkonsento, de asociiĝo, de komunaj mezuroj, oni protektas la naciajn antagonismojn ; oni inventas ilin, se ili ne ekzistas jam.

Ni vidu, por daŭrigi, kiel procedas la tutamerika oficejo. Ĝi, en ambaŭ Amerikoj, rilatas kun la fabrikistoj, import. kaj eksportistoj, k. a. kaj ĉiel penas liveri al ili la informojn necesajn por faciligi iliajn interŝanĝojn, la trafikon inter la amerikaj regnoj. En la sama celo ĝi por respondi informpetojn korespondas kun politikaj homoj, sciencistoj, profesoroj, studentoj, ĵurnalistoj, vojaĝantoj, k. a. Pri ĉiuj temoj interesantaj la diversajn regnojn kaj iliajn komunajn aspirojn, la Oficejo publikigas manlibrojn, broŝurojn, kartojn kaj monatan bultenon, kiu informas la amerikan publikon pri la plej freŝaj novajoj komercaj, pri leĝoj, novaj entreprenoj kaj ĝenerala progreso de la respublikoj.

La gravecon de tiuj interrilatoj pruvas la ciferoj ; la nombro de la presajoj ĉiumonate ekspeditaj estas 25.000, la leteroj 3.000, la bulteno estas presata po 120.000 ekz. La tutamerika oficejo komencis per la starigo de la importa kaj eksporta bilanco de la respublikoj. La sumo atingas 11 miliardojn da $, kies triono apartenas al la suda kontinento, kiu eksportas por 3.400 milionoj da $ kaj importas por 2.000 milionoj da $ kaj importas por 200 milionoj da $. Ĉe la analizo tiuj ciferoj forte parolas. Troviĝas, ke Usono profitas nur per kvarono de la kvar miliardoj en la komerco de Sud-Ameriko ; ĝi importas al ĝi 636 milionojn da $ kaj eltiras 480 milionojn, dum la suda kontinento aĉetas el la malnova mondo por 1.600 milionoj da $. La tuta penado de la tutamerika oficejo celos al tio, ke la komerco de la 21 respublikaj estu alcentrigata en la nova mondo, t. e. fermita por Eŭropo kaj la ceteraj kontinentoj. Ĝi certe sukcesos almenaŭ por la plej granda parto de tiuj 1.600 $ milionoj da $.

Dume, en la malnova mondo, la internacia anarkio regas (1).

G.

### AERVETURADO

**Aerveturado en Rusujo**

En nia aerveturada movado estas tre interesa detalo : ĉie kaj ĉefe en aerokluboj oni vidas la junularon.

Kiam la malprospera Guyot faris sian unuan aerveturon, sufiĉe prosperan kaj bedaŭrinde sole prosperan, tiam en la amaso da homoj oni ĉefparte vidis la ekmirigitajn junajn vizaĝojn. Revenante Peterburgon de loke, kie flugis « homo-birdo » oni povus vidi infanon 5-6 jaran insiste petantan sian patron. « Paĉjo, paĉjo, aĉetu al mi tian birdon ».

Se ni rigardas la rondetojn ni vidos ke plej laboremaj estas studentoj ; iliaj aerokluboj estas en sola Peterburgo ĝis deko kaj nur unu Universi ato havas pli ol 400 membrojn.

La kursoj de aerveturado, aparte en Peterburgo estas farataj preskaŭ ĉiudimanĉe kaj la malprosperoj de diversaj aviadistoj nenion faras en prudentoj de tiuj, kiuj portas siajn konojn, junecon kaj kredon je venko al tiuj, kiuj pruvis, ke homo estas pli forta, ol ĉiuj naturelementoj.

La rusa homo estas farita el tia pasto, ke li per tuta korpo kaj animo sin donas al la afero lin ekinteresinta.

Povas esti, ke tio ĉi estos nelonge daŭranta amuzo, sed baldaŭ, kiam unuaj ravoj foriros ĝi fariĝos vera afero. Tiaj fanatikuloj ekzistas ankaŭ ĉe ni : nur hieraŭ oni povis legi, ke ne malproksime de Peterburgo estis faritaj provflugadoj, kiuj finiĝis malbone. Aviadisto enfalis en lagon. Sed ĉu Bleriot tuj transflugis La-Manche'on ? Donu la tempon kaj ni estos en Svedujo aeroplane !

Dume, ĝis la niaj elpensantoj faros tion, ni aviadamantoj esperantistoj faros inter ili propagandon por ke ili ne estu en situacio de Bleriot, kiu transfluginte en Danvre'on povis nenion diri al salutantoj, krom : « Good morning, thank you ! »

Niaj Esperantistaj rondetoj jam sin turnis al la administracioj de aerokluboj, kaj Universitata rondeto prenis Esperanton, kiel interkomprenigilon, kaj enskribis por biblioteko jurnalon « Aéro » presantan speciale Esperantan fakon, kaj intencas aboni Esperantistajn jurnalojn.

Nu ! Se ĉiuj aviadistoj estos Esperantistoj oni povas forjeti penson pri Moresnet'a Esperantujo. Tiam nia Esperanto patrujo estos pli vasta en ĉie la aerspaco !

R. S. (Del. Peterburgo).

## La Faktoj

25 *Novembro.* — Budapeŝto. — Solena translokiĝo de la korpo de Luizo Kossuth.

Teherano. — Azod Ul Muluk estas elektita kiel reganto da la ŝtato dum la juna aĝo da la Ŝao.

(1) El « Correspondence bi-mensuelle (Konstanta Internacia Oficejo de l'Paco) ».

26. Peterburgo. — Senato malpermesas al la alvokatinoj enskribiĝi en la listo de la advokatoj.

27. Schmend. — Unua suprenirado de Aŭstria direktebla aerŝipo.

28. Romo. — Solena ricevo de busto de l'Toskana poeto Jozefo Giusti (Ĝusti) en Kapitolo.

Santiago de Ĉilio. — Oni anoncas ke la tunelo trans la Kordilieroj el Ĉilajo al Argentino estas finita.

Bukaresto. — Solena inaŭguro da nova kunsidaro ĉe la Deputataro.

Parizo. — Alveturo de Reĝo Manuel de Portugalujo, kiu estas ricevita de Fallières.

29. Nico. — Mortas Ludoviko Mario Borbone duko de Kvilo.

30. Berlino. — Inaŭguro de kunsidaro ĉe l'Rejhstago.

Krenth. — Mortas duko Karlo Teodoro de Bavarujo okulisto kaj filantropo.

1 Decembro. — Cetinjo (Montenegro). — Kvin oficiroj kiuj partoprenis en la komploto kontraŭ la ŝtato estas mortpafitaj.

Tokio. — Admiralo Togo eksiĝis.

2. Romo. — Eksiĝo de ministraro Giolitti.

3. Romo. — Morto de ekoministro Aleksandro Fortis.

5. Napolo. — Solena rememorigo de naturisto Antonio Dohrn fondinto de la internacia Zoologia Stacio de Napolo.

A. Tellini.

## NIAJ KONKURSOJ

# La Situacio de la Komerco & Industrio en Usono (1)

*La financoj:*

La kondiĉo de la financoj kaj bankoj en la lando estas prosperpromesa. Post la paniko de 1908 oni renkontis severan skuon en la financoj. La elmontrado de la akcioj en la vendejoj ne estis tute ŝatinda pro la malrapida restarigo de la konfido inter la prizorgantoj de akcioj kaj pro la venonta reguligo de la dogantarifo. La procesoj de la naciaj kortumoj kontraŭ kelkaj plej grandaj trustoj malhelpas la aranĝojn por la revivigo de la bonaj prezoj en la akcia vendado. Sed post la fiksado de la dogantarifo por la nova kongreso, ĉio plue prosperos kaj la pruntedoninto povos antaŭrigardi la situacion kun pli firma certeco.

La mono ŝparita de la laboristoj estas multe konservata en la sennombraj bankoj por procentodono, kiuj formas sendanĝeran aron de institucioj por la kolektado de la ŝparoj de l'popolamaso. La kondiĉo de la grandaj bankoj kaj ĉiuspecaj financaj institucioj ankaŭ troviĝas en bonaj cirkonstancoj. La kreskanta pligrandiĝo de la ekspluatado en terbienoj estas speciale notinda pro tio ke la procentodonado povas regule esti farata de la bankoj, kiuj pruntedonas akceptante kiel garantiaĵojn hipotekojn sur terproprajoj anstataŭ trogranda akceptado de akcioj en la fervojaj kompanioj kaj aliaj fortegaj korporacioj. La bankfirmoj de Wall Street estas tute konataj tra la mondo financa en Nov-Jorko, Londono, Parizo, Berlino, k. t. p. La sistemo de la kreditoj estas en bona funkciado kaj la ĉeksistemo daŭras plenumi la pagpromesojn de la ĝirantoj. La rimedo por la tuja pruntedonado de la mono favorigas la akcelon de la prospereco kaj harmonio.

*La doganoj:*

La plej diskutata problemo estas hodiaŭ la dogantarifo. Du principoj klarigos la situacion: la unua estas la konstato, ke la ĝisnuna inklino de la registaro celis la konservon de la tarifo por la protektado de la enlandaj industrioj. Estas malnova rakonto kun moderna hodiaŭa signifo. Tiu ĉi protektado efikos en unu periodo de nia historio, sed komprenehle ne sufiĉos por la novaj kondiĉoj de l'afero. Hodiaŭ estas la epoko por la starigo de grandaj sindikatoj kaj trustoj. La Usonaj industriaj firmoj suferas pro la troaltigitaj prezoj de la necesaĵoj. La registaro trovas, ke la trustoj subtenas pli grandajn prezojn por komercaĵoj vendataj al enlandaj aĉetantoj ol tiuj lastaj povas elspezi por la aĉeto de la samaj produktaĵoj. Tiu ĉi kondukos al agitado por la refiksigo de la tarifo por importaĵoj. Oni scias, ke la inklino por la protekcionismo servas pli por la pleaumo de la ambicio de l'financistoj. Ili vendas siajn produktaĵojn pli malkare en aliaj landoj ol en Usono mem. Tiu ĉi perfideco sigelis la sorton de la protekcionismo en Usono, La nekorporaciaj industrioj aplaŭdos la ŝanĝon farotan en la impostaro ĉar ĝi promesas pli facilan interrilaton por la reciproka utilo de la diversnaciaj komercistoj. La jam ekzistantaj impostoj sur sennombraj produktaĵoj fabrikitaj en Eŭropo estas nuligataj kaj la kondiĉo de libera komercado estas atingata. Oni povas konsideri la enkondukon de la nova tarifo pri importaĵoj kiel certaĵon kaj ŝatindan progreson por la plivastiĝo de la internacia komerco.

*Komercaj organizoj:*

La organizo kaj asociiĝo por solidareco estas bone sentata de la Usona registaro. Unu el la grandaj fakoj de la registaro estas la organizo de la fako laboro kaj komerco en Washington. Tiu ĉi organizaĵo ekzistas por la plibonigo de la komercaj kondiĉoj en ĉiuj landopartoj. Ĝi iniciatas tre gravajn servojn. Ĝi kolektas ĉiujn statistikojn pri la movado de la import- kaj eksportaĵoj; ĝi aranĝas ĉiujn rimedojn por la enkonduko de novaj industrioj kaj komercoj. Ĝi forsendas al fremdlando komercistojn por studadi la kondiĉojn de la enlanda industrio. Tiu ĉi organizaĵo havas tre bonan bibliotekon kun ĉiuj verkoj pri komerco, industrio, ekonomio, maraferoj. Ĉiujare ĝi pli kaj pli prosperas.

*Maraferoj:*

Ni nun aludu pri la ŝipkonstruo en la lando. Oni ne devas forgesi, ke la Usonaj industriistoj ne interesiĝis pri la altiĝo de la nacia komerca ŝiparo. La kaŭzo troviĝas en la granda periodo de la enlanda plibonigado, kiu sekvis la secesian militon. La grandaj Eŭropaj landoj, havantaj komercŝipojn, forportas la komercaĵojn eksportitajn el la lando, Anglujo, Germanujo, Italujo gajnis grandan komercan aktivecon per sia interrilatado kun Usono. Hodiaŭ la ĝenerala kondiĉo estas nur malmulte ŝanĝita; la rezultato estas, ke la plej multaj enlandaj fabrikaĵoj estas transportataj sur alinaciaj ŝipoj. La ŝipkonstruo ne pligraviĝas, kvankam la problemo estas nun diskutata de la financistoj. Fakte, la Eŭropanoj tiel progresis en tiu fako, ke Usonanoj jam ne esperas havi superecon rilate al ili. Tamen bona komenco estis farita por la konstruo de ŝipoj en Usono por transporti Usonajn produktaĵojn sur Usonaj ŝipoj.

*La leĝoj:*

Pri la tendenco de la ŝtataj leĝfarantoj rilate al industrioj, maraferoj, k. t. p. oni povus rimarki tre multe. Estante advokato mi povas detale pritrakti pri tio ĉi. Sed en kelkaj linioj la situacio klariĝos. La nacia registaro alprenis novajn leĝojn pri proceduro, bankroto, bankoj. La ŝtatoj havantaj sendependajn leĝofarantojn ankaŭ multe leĝofaras por komercaj kaj industriaj aferoj, sed sen iu rapideco. Multaj leĝoj pritraktas la konservadon de la enlandaj fortoj, pri arbaroj, k. t. p. Interkonsento kun Meksikujo kaj Kanado estis farita por la konservado de la naturaj fortoj kaj lokoj kontraŭ la troa ekspluatado de senĝenaj industriistoj. En kelkaj ŝtatoj oni klopodos por la starigo de asekuraj oficejoj en la bankoj. Tio ĉi estas farata speciale por la profito de la malriĉularo. Ŝajnas, ke la penado prosperas. Laŭ la nacia konstitucio la reguligo de la komerco inter kaj tra la diversaj ŝtatoj apartenas nur al la nacia leĝofarantaro, ne al la ŝtatoj.

La komercistoj de la grandaj urboj estas forte kunligataj por la efektivigo de energiaj entreprenoj. En la plej multaj lokoj troviĝas komercaj ĉambroj. Inter ili estas sentata forta spirito de solidareco. La estraroj starigas oftajn kunvenojn, ĉe kiuj lertaj paroladoj troviĝas kaj ĉiel penas pligrandigi la komercon de sia loko. Tre grava estas ankaŭ la nacia asocio de la « kredithomoj », kiuj penas krei inter milo de firmoj komercan fortikan solidarecon de interesoj. La lokaj ĉambroj multe helpas por la kunlaborado de la nacia kun la komunuma aŭtoritato. Tiuj ĉi fortaj asocioj estas la gvardio de la pordejoj al la enlanda komerco.

*La fremda komerco:*

La eksportaĵoj kaj importaĵoj de la fremdlandanoj estas hodiaŭ pligrandigitaj. La pliiĝo de la fremda komerco estas ŝuldata precipe al la pli bonaj studoj de la komercaj kondiĉoj fremdlande. La sendaĵoj de Eŭropo al Usono ankaŭ plimultiĝas. Oni devas tie ĉi konstati, ke la situacio de la akciaj vendejoj estas bona. Multegaj fremdlandanoj posedas akciojn en la grandaj Usonaj korporacioj. La Usonaj financistoj reprezentataj en aliaj landoj estas ankaŭ multe okupataj per la vendo de la akcioj en Eŭropo. Kelkaj Eŭropanoj havas grandan intereson por la nuntempa diskuto de la dogantarifo pri importaĵoj kaj multaj aliaj informiĝas pri la stato de la Usonaj aferoj, semajnon post semajno. La akcioj de la grandaj akciaj korporacioj speciale estas tre ŝanĝemaj. La lasttempa decido de la ŝtala trusto malaltigi la prezojn de la fabrikaĵoj el ŝtalo sendube malkontentigos la sennombrajn freŝtempajn akciulojn. Tamen tio ĉi estas nur ekzemplo de la troaj privilegioj de la trustoj.

*La reklamo:*

La Usonanoj estas bonaj reklamistoj. La grandaj firmoj, kiel en Eŭropo, ĉiutage plenigas la ĵurnalaron per la reklamaj literaturaĵoj. La ĉiumonataj revuoj estas tute plenigataj per ilustritaj anoncoj pri novaj produktaĵoj. En la elektraj subteraj fervojoj oni trovas lignajn surskribaĵojn, kiuj per grandaj literoj kaj belaj ilustraĵoj anoncas pri ĉiaj fabrikaĵoj sub la suno. Nenia ekvidebla loko estas ŝparata. Ĉio venas al la atento de la agento de la reklamkompanio. La metodoj de la reklamado estas tute originalaj kaj insistemaj. Tia senlaca lerta reklamo, kiu troviĝas sur ĵurnaloj, libroj, revuoj, k. t. p. estas signo de komerca prospereco.

W. E. Baff (Del. U. E. A.)

(Daŭrigota)

(1) vidu *Esperanto* de 5 novembro 1909.

## ESPERANTIA VIVO

**Naskiĝo.** — Je la 18a de Nov° ĉe 7 Welbury, Drive, Bradford (Anglolando) al Ges-roj A. Tuke Priestman naskiĝis filino (Esp-anino 42. 31. 38) Ĝia unua kotizaĵo estas jam ricevita de la loka Delegito, kiu povas certigi ke vigle, se ne lerte, ŝi parolas lingvon internacian!

**Morto.** — Ni kun bedaŭro eksciis la morton de General-Majoro Cox, kiu estis nia unua Delegito en Londono kaj estis bone konata en la Angla Esperantistaro kiel fervora samideano. Niajn simpatiojn al lia familio.

**Transloĝiĝoj.** — S-ro N. P. Evstifeiff loĝas nun en Peterburgo, B. O. 9a l., d. 28, loĝ. N. 15. — S-ro Heydweiller, Del. en Rostock, dum kelka tempo ne loĝas en tiu urbo. — S-ro Paxton, bonfaranta membro de U. E. A. transloĝis en insulo Wight, kie li estos Del.

**Vojaĝoj.** — S-roj Clark, Esp-ano de Wellington (Sud-Afriko), kaj Wirenius, Esp-ano de Peterburgo, sukcese uzis la servojn de U. E. A. dum siaj vojaĝoj.

**Dankoj.** — S-ro H. Hodler, direktoro de *Esperanto*, ne povante individue tion fari tutkore dankas ĉiujn samideanojn, kiuj sendis al li atestojn de simpatio, okaze de la familia funebro, kiu lin trafis.

**Jubileo de D-ro Zamenhof.** — Okaze de la 50a datreveno de la naskiĝotago de nia majstro, multaj grupoj organizis festojn por lia honoro. En Varsovio estis ricevitaj multaj gratulaj telegramoj kaj leteroj.

Pro troa materialo ni estas devigataj prokrasti ĝis la proksima N° nian rubrikon « Esperantiaj informoj ».

# TRA LA MONDO

**Apud la riveroj Wharfe kaj Aire, en Yorkshire (Anglujo)**

La loko priparolata en tiu ĉi artikoleto kuŝas en la okcidenta flanko de la graflando « Yorkshire » (Jorkŝir) Anglujo. Jorkŝiranoj ne senkaŭze, fieras pri siaj belaj valoj, Warfe (ŭarf), kaj Aire (er). Estas ja aliaj riveretoj en la sama graflando, kies valojn, esperebleo, oni priskribos en aliaj artikoloj, sed la Warfe konsentite superas ilin ĉiujn.

La plej oportuna rimedo por atingi, de la kontinento Eŭropa, la priskribotan distrikton estas laŭ Zeebrigge kaj Hull, aŭ Antverpen kaj Goole. En ambaŭ ĉi tiaj anglaj urboj la vizitanto trovos grupon esperantistan. Veninte en Anglujon oni povos vagonare iri al Leeds, malpura, preskaŭ nigra industria urbo, en kiu, tamen, oni trovos viglajn blankulajn gesamideanojn. Bradford, Harrogate, Keighley kaj Shipley estas apudaj urboj kies esperantistaj gru-



poj bonvenus alilandulojn kaj de kie la vojaĝonto facile komencus ĝuindan ekskurson en la flororiĉajn valojn aŭ sur la montetojn de kies suproj oni rigardus pejzaĝojn el la plej belaj el la tuta Anglujo.

La vagonaro (M. R.) kondukos vin al Grassington, bona hotelo estas — Old Hall Inn, Threshfield — kie vi trovos « Onklon Roberton » (fama tra Britujo kaj Ameriko)



bonan manĝaĵon kaj komfortan liton. Ne estas vagonaroj kiuj kondukos vin supren sur la montoj tie ĉi, tial, leviĝu frue en la mateno kaj serĉu lokon sur la poŝtĉaro (veturilo kiu disliveras leterojn k. t. p.) Per tiu ĉi lasta vi povos malkare veturi tra la plej belaj partoj de la distriko ĝis Buckden (Bukden, hejmo de kapreoloj). Apud Buckden la rivero preterpasas grandajn montarbarojn, kaj, se la vojaĝanto havas lertajn okulojn li vidus kapreolojn inter la arboj kaj se li scius la ĝustan lokon, li povus aŭdigi duoblan eĥon el inter la montoj. Kettlewell (Ket'lŭel) sin kaŝas sub grandega Wernside (ŭernsajd) kaj ne malproksime de tiu vilaĝo troviĝas Kilnsey Crag (kilnsi krag) kalkŝtona krutaĵo kiu bone pruvas ke tiu ĉi parto de nia lando antaŭ jarcentoj kuŝis sub la maro. Baldaŭ nia amata pro la eriko brunkolore aspektanta Wharfe murmuretas al la ridetantaj diverskoloraj belaj floroj, kiuj kovras la bordojn ambaŭflanke de Grassington ĝis Bolton. Inter la du laste nomitaj vilaĝoj estas notindaj Burnsall, la juvelo el la juveloj de Wharfe. Appletreewick (Ap'ltriwik) kaj Barden. Amantoj de la grimpado elĉerpus grandan plezuron el la supreniro al la « suproj » de la montoj inter la valoj, Warfe kaj Aire. De Threshfield oni povas transiri la herbejojn kaj erikejojn al Malham kie komencas flui unu el la fontoj de la rivero Aire. Apude estas Gordale Scar, loko kie kolosa roko fendiĝis, kaj de kiu pentraĵo verkita de James Ward R.A. nun troviĝas en la galerio de Brita Arto (Tate Galerio) en Londono.

Restas ankoraŭ notindaj la du erikejoj plej amataj de la skribanto. Unu sin trovas inter Ilkley, en la valo de Warfe, kaj Shipley, en la valo de la Aire, kiun oni povus transmarŝi en la daŭro de du-tri horoj. La freŝa aero portanta la odoron de eriko kaj feliko, kiun oni enspirus, la belaj vidaĵoj, la graciaj konturoj de la ĉirkaŭaj montoj kiujn oni rigardus, estas bonega rekompenco pro la promeno.

La alia erikejo, certe trovinda, estas nomita Heather Glen kaj ĝin oni trovos ne malproksime de Bingley, la plej bela vilaĝo apud la rivero Dire. En la ĉirkaŭaĵo de tiu ĉi vilaĝo sin trovas arbaroj mirinde belaj, kaj la erikejo aspektas tiel diverskolore kaj en la somero donas molajn ripozejojn nenie egaleblajn. Tial ekskursemaj naturamantoj eksakvu vestojn proksiman someron kaj venu al la valoj kaj montetoj amataj de

Edward Parker.

Pro la kliŝaĵoj ni tre kore dankas al S-ro T. Throop, Carlisle Rd-Bradford, kies angla gvidlibro de norda Anglujo estas tre rekomendinda por ĉiuj kaj kostas nur 8d... afrankite.

Informojn pri vojaĝoj liveras Railway C. Goole, S-roj Aug. Bulcke kaj C. Zeebrugge Quay; aŭ ĉefpasaĝeragento N. E. R. York, Anglujo.



## Ĉe la Fervojistoj
### EN BARCELONO

La unua kunsido, okazis la 7a de Septembro. Ĉeestantoj 11 ; inter kiuj :

5 Francoj : S-roj Aussenac, Berlande, Bontemps, Meunier, Robin.
1 Anglo : S-ro Freemansh, W. Crafts.
2 Germanoj : S-roj Enzst, Petzold.
1 Aŭstro : S-ro Schwarz.
1 Dano : S-ro Hinrichsen.
1 Ruso : S-ro Sandecki.

Oni elektis kiel prezidanto S-ro Berlande, el Villeneuve-S.-G. kaj kiel sekretario S-ro Bontemps, el Parennes.

S-ro Berlande dankas la ĉeestantojn kaj sendas karan saluton al nia kara majstro D-ro Zamenhof, kies genio permesas al la fervojistoj, de malsamaj nacioj, kunveni en Barcelono. Li dankas ankaŭ la komitaton de la Va por lia kara akcepto.

Poste, la Internacia asocio de la esperantistaj fervojistoj, (I A E F), estas starigita kun la sekvantaj celoj :

1o Propagandi Esperanton de D-ro Zamenhof inter la fervojistoj de ĉiuj landoj ; 2o Starigi specialan profesian vortareton kiu post ĝia plena ellaboro estos eldonata de la asocio ; 3o Kuraĝigi interŝanĝojn de profesiaj ideoj inter homoj de sama metio sed de malsama nacio ; 4o Eldoni ĉiujare adresaron de la esperantistaj fervojistoj ; 5o Faciligi interŝanĝon de infanoj de fervojistoj dum la libertempoj ; 6o Kuraĝigi la societanojn ĉeesti la esperantistajn kongresojn faciligante la vojaĝojn.

La dua kunsido okazis la 8a de septembro, S-ro Berlande prezidis :

La ĉeestantoj decidis :

La ĉiujara kotizaĵo estas 1/2 Sm. ; post enskribiĝo la societano ricevos membran karton kiu enhavos fotografaĵon de la posedanto.

Por la jaro 1910a, oni elektis : S-ro Berlande (el Francujo), prezidanto ; S-roj Wellars (el Usono) kaj Schwarz (el Aŭtrujo), kiel vicprezidantoj ; S-ro Bontemps (el Francujo) kiel sekretario kasisto ; S-ro Sandecki (el Rusujo) kiel helpsekretario.

Poste oni elektis la naciajn delegitojn :

Ameriko : S-ro Wellars ; Aŭstrujo-Hungarujo : S-roj Schwarz kaj Sackmaŭer ; Danujo : Hinrichsen ; Francujo : S-roj Meunier, Pilin ; Germanujo : S-roj Engst, Petzold, Sommet ; Granda Britujo : S-roj Hart, Cuthberth Berchman ; Holandujo : S-ro Jaussen ; Rusujo : S-roj Wojechowski, Sandecki ; Svedujo : Prior.

FELIETONO DE « ESPERANTO » 1

# LA KATO

de D-ro Johano RAJBERTI

Kiam iu homo fariĝas fama pro potenca individueco de karaktero aŭ de genio, mi inkliniĝas, eĉ ne volonte, konsideri, kia estas la besto al kiu li pli multe similas. Kaj tio pro la konvinko, ke vera originaleco estas la eco ekskluziva de l'bestoj, dum la homoj, tiu pli, tiu ĉi malpli, estas ĉiuj imitantoj.

Ĉiuj homoj forprenitaj de la naturo kaj metitaj sub la jugon de l'sociaj interkonsentoj, devas perforte enpuŝi en la kapon disciplinojn, havas devigan ekzemplojn al kiuj ili alfariĝu, antaŭstarigitajn vojojn por sekvi; unuvorte ili nur imitas kaj kopias; kaj la pli malbone estas ke la kopioj rezultas malbelaj kaj mizeraj pro la ŝanceliĝo de l'kriterio kaj pro la senĉesa batalado de la kontraŭaj pasioj.

Sed la bestoj, gvidataj de l'kutima instinkto, kaj en povo de l'natura sprito, havas kutimojn kaj morojn tre fortigitajn, firmajn, konstantajn; ili estas eterne egalaj al si mem dank'al povo propra kaj ennaska, sen modeloj, sen antaŭjuĝoj, sen la eraroj de la edukado.

La poetoj, la filozofoj, la kleruloj de ĉiuj nacioj, eĉ ĉiuj nacioj amase, pruvas ĉi tiun veron; ĉar, el la komparoj de la epopeo ĝis la proverboj de l'popolo, ni observas senĉesan komparadon de la homoj kun la bestoj kiel imitaĵojn kun la originalo.

Se ni havas malspritan genion, oni nomas nin bovoj; se malpuraj kaj nesocietemaj, ursoj; se malkleruloj, azenoj. Kiu ripetas la paroladojn de iu estas papago; kiu reproduktas la agojn de alia persono estas simio; kiu praktikas iom da procentego per helpi la malesperulojn estas hirudo. Ĉu vi superas malatenton? Oni vin nomas otuso. Ĉu vi havas ĉiujn kolorojn? Oni vin vokas kameleono. Ĉu vi estas ruza? Ho kia vulpo! Ĉu vi estas manĝema? Ho kia lupo! Ho kia talpo, se vi ne vidas la aĵojn pli klarajn. Ho kia mulo! se vi estas obstina; ho kia gufo! se vi malamegas la lumon de l'vero. La virino ekkolerema kaj venĝema estas viperino, la malkonstanta estas papilio, paserino aŭ strigeno, la koketulino; kaj tiuj kiuj falas sub ŝiajn logaĵojn estas merloj.

Sed ĉi tie, iu rimarkigos, oni priparolas nur pri malvirtaj ecoj!

Ho, ĝuste en la virtoj, la homo estas precipe besteca; tial ke la plej alta grado de l'laŭdo, eĉ de l'flatemo estas signifo ke li imitas iun beston.

La forto kun grandanimeco (kaj eĉ sen ĝi) havas eternan modelon en la leono. La fideleco kaj amikeco havas kiel neeviteblan tipon la hundon, kiu de nekalkuleblaj jarcentoj estas la arkada penseto de ĉiuj poetoj kaj skulptistoj. La karesemaj geamantoj estas kolomboj; la altegaj genioj agloj; la bonaj poetoj, cignoj. Kiu havas akra la spritokulon, estas komparata al la linko; la homo dediĉanta honoriĝas de la titolo ŝafido; kiu ŝparas por la estontaj bezonoj estas antaŭzorganta kiel formiko; la eklektiko memestas abelo kiu suĉas la plej bonon de ĉiu floro. Konklude, mi ŝatas bravulon, kiu estas kapabla trovi unu homon kiu laŭ bono aŭ laŭ malbono ne similos almenaŭ iu tri aŭ kvar bestoj. Estas ja prave kredi ke la homo estis nomita reĝo de l'bestoj por tio ke li scias resumi en si la virtojn dissemitajn en la bestoj.

Sed tie enciklopedia kapableco estas efektive tia, kia elprenas de la homa speco ĉian gloron de originaleco. Ŝajnas do al mi ke kia ajn volas deziri tian laŭdon devus sin limigi je la imitado de sola tipo, nome de sola besto, por fariĝi almenaŭ iom markita kaj difinebla. Ne el tio ĉi mi volus ne senteme konkludi ke iuj ne povus esti samtempe kaj samloke rampuloj aŭ falkoj, ŝafoj aŭ lupoj, kiuj nur leonoj, laŭ la reguloj de la singardemo: Ho tute ne! Konsentite en speciala oportuneco, profiti la altegajn kaj diversajn lecionojn de la tuta vivanta naturo, mi diras ke en la ordinaraj fazoj de la vivo konvenas sin unuformigi al sola modelo. Kaj kiu ĉi? Se estas vere ke klereco kaj feliĉo devas formi la celon de ĉiu homa agado, nia tipo devas esti la kato: ĉar la kato el ĉiuj bestoj estas la plej klera kaj per necesa konsekvenco la plej feliĉa: ĉar ni lernis en la lernejoj ke nur el la klereco devenas la feliĉo.

Kaj jen kion mi ekpruvos se vi min honoros per afabla atento. Se aliflanke al la sagacuoj ŝajnos tro granda la evidenteco de mia provotaĵo por bezoni pruvojn, ni pensu ĉeesti la solenan revenĝon de la famo de l'kato, malprave insultita de malnovaj antaŭjuĝoj kaj de senkonsciaj verkoj. Tiu ĉi verko ne estos malinda je nia filozofia jarcento tute celanta elradikigi malnovajn erarojn, ŝati la meritojn kaj la reputaciojn, repagi per marmoraj monumentoj la nedankemon de la pasintaj generacioj: kaj eĉ tio ĉi tiu la lumoj de la moderna akravida kritiko kiu same kiel lorno, grandigas la homojn grandajn, laŭmaniere ke oni observas je unu aŭ je alia flanko.

Kaj ci, besto gracia kaj bona, germigu mian diron: prezentu en antaŭ mian memoron en ia multforma ekzercado de ciaj talentoj, en malfaciaj taskoj de cia prudento, en la dolĉaj ekstazoj de ciaj maldiligentoj: tial ke inspirita per la nova klereco de l'temo, mi plenumos verkon indan je la epoko kaj indegan je l'itala literaturo.

*Malbonaj kondiĉoj de l'aliaj bestoj kompare kun la Kato*

La bestoj estas en libereca stato aŭ ili falas sub la homan povon. En la unua cirkonstanco ili suferas milojn da senigoj kaj danĝeroj pro manko da nutraĵoj, malmildeco de sezonoj, pro mortigaj bataladoj kun aliaj specoj. Se kontraŭe ili falas sub la regadon de la homo, eĉ tiuj kiuj taŭgante por liaj komforto kaj plezuroj, estas vivtenataj kaj konservataj en prospero, pagas la profiton de tiu protekto per la neevitebla severeco de la sklaveco. Ho, papago, ci ĝuas famon de altega talento dank'al virto ripeti la vortojn ne ilin komprenante, preskaŭ same kiel la pli multo de la homoj kiuj diras la aferojn por ĉi sola motivo ke ili aŭdis diri ilin kaj partienas, fanatikiĝas, kaj militas por principoj pri kiuj ili neniam zorgis ekzameni la signifon. Ci ja estas aĉetita altpreze, admirita, dorlotita, traktita per migdaloj, konfitaĵoj: sed ĉio tio ĉi en kaĝo aŭ alligita al paliso dum la tuta vivo: eĉ tute neutiligita por la altega rimedo de la flugiloj. Ho, simio, ĉar ci estas pro la ŝajno kaj pro la movadoj malbelega karikaturo de la homa speco, ci estos dezirita en la ĉambregoj de l'riĉuloj kaj admirata en la stratoj. Sed en la unuaj, la dorlotojn de l'mastroj postsekvos la mokoj kaj la insultoj de la servistaro, la malloĝaĵn kaj supraĵn neplenajn amikaĵojn postsekvos longaj malatentoj kaj la forgesoj: tute same kiel okazas al la malgranduloj kiuj sin dediĉas al granduloj.

Tra la placoj ci estos la Taglioni kaj la Cerrito de la popolaĉo; kaj se ci ne superos tiajn diajn virinojn pro la ĉarmo kaj la gracio, certe ci ilin venkos pro la forto kaj la facilmoveco; sed ĉiufoje interŝanĝe de la trezoroj kaj de l'apoteozo, ci ricevos ridadojn kaj vipadojn aŭ vipbatojn kaj malmulte da malbona pano; ĉie ligita per malbona ĉeno kaj punita pro ĉiu malrespekta faro kaj eĉ ameme kondukata en kiuj estas ĉiuj pli grava pasio. Do mi demandas: kia signifo estas ĉio ĉi?

Ho, hundo, se ci estas el la nobla raso kaj el la plej feliĉaj, ci havos delikatajn tapiŝojn, frandaĵojn, sufiĉegecon da dorlotoj, tian ke konsumiĝos pro envio la adorantoj de cia mastrino. Laŭ la sezonoj ci estos lavita, kombita, tondita, varmigita. Ci iros al la bulvardo kaj al la kampardomo en kaleŝo. La kuracistoj ne malŝatos havi konsiliĝon pri cia multvalora sano; kaj se ci perdiĝos aŭ ci estos ŝtelita, la plej bona literaturisto ekscepte ĉe la nobela manĝotablo (kaj ankoraŭ oni dubas ĉu la literaturo en Italujo havas ian mision) devos verki por la gazetoj, avizon kiu priskribos ciajn belaĵojn kaj promesos malavaran premion al kiu cin reportos. Sed bone atentu, ĉar meze de tiom da komfortoj kaj tiom da gloro, okazos al ci ricevi piedfrapojn, kiam ci troviĝos sola kune kun malĝentila servisto; atentu, ke se pro tio ĉe konfido ci kuraĝos promeni iomete en la urbo sen kolumo, ci povas tuj perdi la vivon; sed pripensu ke alvenos la kutimo surmeti al ci buŝumon kiu ne ĉe lasos al ci flari ciajn negocojn; pripensu ke se ci estos por mordo iun impertinentulon kiu estis incitinta cin aŭ tirinta cian voston pro ĉi tio diskreteco, ci estos laŭleĝe persekutita kiel se ci estus danĝera kaj suspektita je hidrofobio.

Kaj ci, ho ĉevalo, ci ho azeno, ci mulo, ci bovo, diru vi ĉiuj kiom da penoj kaj batoj vere bestaj vi devas suferi por ricevi iom da fojno kiu vin vivtenas, kaj iom da tegmentaĵo kiu vin ŝirmas de la malbona vetero! Kaj same estu dirite pri la pli granda parto de la bestoj.

Sed la kato! Ho, la kato sciis elekti la lokon kiel ebleplej bonan, en la naturhistorio. Ĝi tiel bone lokiĝis meze de la plej delikata civilizacio kaj de la plej sovaĝa sendependeco, ke ĝi prenas ĉion bonan el ĉiu flanko kaj lasas ĉion malbonan de la du statoj. Pri tio ŝajnas al mi ke ĝi realigis kaj montras al la mondo jam de la komenco de la jarcentoj, la grandan teorion de la *ĝusta mezo*, pri kies elpenso fanfaronas, la modernaj politikistoj, teorio, kiu neniam estas tiel bone aplikita kiel en la malfacilega kaj altega arto ĝui la vivon. Ja ni vidu nun, nian horon en agado.

Trad. A. Tellini.

(Daŭrigota).

# Nia Felietono

**JOHANO RAJBERTI**

Jen kelkaj notoj pri la vivo kaj verkoj de la aŭtoro, kies verkon ni nun publikigas:

Rajberti naskiĝis en Milano la 18a de aprilo 1805. Li ekzercis la kuracarton en Monza unue kiel ĉefkuracisto en la hospitalo, poste havis la oficon de direktoro en la sama instituto, kiun li konservis ĝis la morto (9-12-1861). Jen la listo de liaj verkoj: Arto Poezia de Oracio (1836), L'Avareco (1837), La fervojoj (1840), Amikeco kaj toleremo (1841), Antaŭparolo de miaj estontaj verkoj (1838). La popolaĉo kaj la medicino (1840). La invitarto, kliniĝita al la popolo (1850-51). La kompatinda Pill (1852) Vojaĝo de ignoranto aŭ recepto por la hipohondriuloj (1857). Fine, *la Kato* (1846), kiu estas la ĉefverko kaj entenas la satiron de la egoismo.

Rajberti havas fizionomion tute propran. La severeco de la filozofo estas tute kaŝita de la viveco kaj spriteco de la ŝerco. La verketo montras tian profundan konon de la homa koro observita en ĝiaj senfinaj fazoj, disvolvita en ĝiaj plej malgrandaj faldoj, elserĉita en ĝiaj kaŝitaj anguloj sub la simbolo de la Kato.

Li estis humoristo kiu similas al neniu alia; karaktero de lia stilo estas senceso de galo kaj de avideco. Li uzas la paradokson kun spriteco kaj naiveco tiel klera, ke oni devas atente sed por ne ekkonfidi la fiŝhokon de li jetita antaŭ la leganto. Lia preferata armilo estas la sofismo, sed tiom vualita kiom estas eble malluminigi helan veron per la plej arta mensogo.

A. T.

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

(U. E. A.)

## OFICIALA IMFORMILO

### ADMINISTRA FAKO

*Prezo de la Oficialaj eldonajoj de U. E. A.*

La prezo de la oficialaj eldonajoj de U. E. A. kaj la rabato konsentata al la Esp.-Oficejoj kaj Delegitoj por 1910 estis fiksi taj kiel sekvas :

*Oficiala Jarlibro.* 30 Sd. Rabato : De 5 ĝis ekzempl. 10 %.
De 26 ĝis ekzempl. 15 %. Pli ol 50 ekzempl. 20 %.

*Oficiala insigno.* 36 Sd. Rabato : De 5 ĝis 10 ekzempl. 10 %.
De 11 ĝis 50 ekzempl. 15 % pli ol 50 ekzempl. 20 %.

*Oficiala Leterpapero.* 100 folioj : 75 Sd. Rabato : De 500 folioj 10 %.

*Oficialaj Kovertoj.* 100 kovert : 60 Sd. Rabato : De 500 kovertoj 10 %.

*Oficialaj Poŝtkartoj.* 100 kartoj : 75 Sd. Rabato : De 500 kartoj 10 %.

*Oficialaj Markoj.* 10 markoj : Sd. Rabato : De 100 markoj 15 %.

*Universala Esperanto-Asocio* (Propaganda broŝuro pri ĝia celo, organizo k. t. p. en esperanta kaj diversaj naciaj lingvoj. Necesega por ĉiu propagandisto).
10 ekzempl. (en kiu ajn lingvo) : 20 Sd. Rabato ; De 500 ekzempl. 10 %.

Ni forsendas la mendojn laŭ la supre montrita tarifo *afrankite* en ĉiujn landojn. Rekomendita sendado je la kostoj de la mendinto. La supraj prezoj kaj rabatoj estas aplikataj tuj post la 1a januaro 1910,

*Jura Konsilantaro.*

La Administra fako de U. E. A. decidis aldoni al si specialan *Juran Konsilantaron*, kiu konsistos el unu reprezentanto por ĉiu regno, t. e. landohavanta propran leĝaron. La tasko de ĉiu jura konsilanto konsistos en tio ke li respondos kiel eble plej akurate ĉiujn demandojn pri juraj aferoj de ĝenerala intereso, kiuj rilatos al lia propra regno, kondiĉe ke ili estu redaktataj Esperante kaj estu komunikataj ĉe la Administra fako de U. E. A., ĉu en sia propra nomo, ĉu en la nomo de la Esperantiaj Entreprenoj kaj Asocioj, kaj la Juraj konsilantoj de la aliaj regnoj. La demandoj koncernantaj pure personaj interesojn ne estos respondataj. La respondoj al la informpetoj estas farataj sen respondeco kaj havas nur konsilan karakteron.

Lastatempe la Administra fako sendis al la interesatoj cirkulero-leteron por la formado de tiu konsilantaro. La nomoj de la respondintoj aperos en proksima No.

*Oficiala Tradukistaro.*

En la celo utili al siaj membroj kaj speciale al la Del. kaj Esp.-iaj entreprenoj U. E. A. decidis aldoni al si oficialan tradukistaron, kiu por ĉiu lingvolando konsistos el unu tradukisto, elektata de la Administra fako.

La tasko de ĉiu tradukisto estos jena :

1e Li tradukos el Esperanto en nacian lingvon ĉiujn cirkulerojn, artikolojn, avizojn, k. t. p., kiujn sendos la oficejo de U. E. A. aŭ la Del. ; 2e Li tradukos Esperanten el nacia lingvo la prospektojn, prezarojn, cirkulerojn, kiuj estos komunikataj al li de Esperantia entrepreno, ĉu direkte, ĉu per konsulo, ĉu per la centra oficejo de U. E. A.

Cirkulero jus estis forsendita de la Administra fako al la interesatoj por la formado de tiu Tradukistaro. La nomoj de la respondintoj aperos en proksima No.

*Novaj Delegitoj.*

Ĝis la 10 decembro estis elektitaj la jenaj Delegitoj :

Bealaba (Victoria, Aŭstralio). — S-ro C. Jenkin.

Blair (Nebraska, Usono). – S-ro P, Chas Lang.

Borga (Finlando). — S-ro A. Backman (Gymnasŭgrænd, 4).

Braga (Portugalujo). — S-ro A. Fontes (rua Nova).

Bundaberg (Aŭstralio). — S-ro C.-N. Lovejoy (c/o Hunter).

Ĉaslav (Bohemujo). — S-ro F. Skrivanek.

Cheltenham (Anglujo). — S-ro A. Kenyon (Oscarwille, Haywards Rd).

Christiania (Norvegujo). — S-ro Klingenberg (Dahls Gade 18).

Chur (Svisujo). — S-ro Dro Capeder.

Dubnico (Bulgarujo). — S-ro V. Krum Mlaĝov.

Etolikon (Grekujo).— S-ro Giorgio Sokos (Sokos kaj Eftaksias).

Fresnes (Nord, Francujo). — S-ro Aldebert (rue de Condé, 92 *bis*).

Galiĉ (Rusujo, Kostroma gub). — S-ro Blagonravov (Sudebnij Sledovatel).

Haskovo (Bulgarujo).— S-ro D. Mihajlov.

Junee (Aŭtralio). — S-ro Fredericksen.

Laurence County (Miss, Usono). — S-ro Nicholas Elmer.

Linz (Aŭstrio). — S-ro K. Vanneck (Adlergasse, 12).

W. Maitland (Aŭstralio). — S-ro E.-A. Pryke.

Newport (Wight, Anglujo). — S-ro C.-S. Paxton (Syffolk House, Cyppres Rd).

Penang (Indio). — S-ro H. Vogler (S-roj Hüttenbach, Bros kaj Co).

Poitiers (Vienne, Francujo). — S-ro M. Frechet (21, Bd Bajon).

Puissalicon (Hérault, Francujo). — S-ro A. Costa.

Ruschlikon (Zurich, Svisujo). — F-no E. Stuber.

Schlieren (Zurich, Svisujo). — S-ro A. Johé.

Siena (Italujo). — S-ro Carlo Monti.

Spandau (Germanujo). — S-ro K. Peters (Newendorfestr. 35).

Townsville (Aŭstralio). — S-ro C.-S. Price (Insurancelo N. K. Z.).

Zandvoort (Holando). — S-ro L. Olrée (Oosterstraat).

Entute 763 lokoj.

ŜANĜOJ. — *Bukarest :* S-ro J. Giuglea eksiĝis el sia posteno de Delegito. La nomo de la anstataŭanto estos baldaŭ konigata. — *Carcagente :* S-ro Iranzo, Vicdel., estas nun Del. — *Como :* S-ro C. Monti ne plu estas Del. en Como; li fariĝis Del. en Sienna. — *Halberstadt :* S-ro H. Berthold (Harzstr., 14) estas Vicdel. — *Hamburg :* S-ro Vogler, Del., loĝas nun Hamburg, 36, ABC str. 52. — *Nordhausen :* S-ro E. Pfoertner (Saschenberg, 51) estas nun Del. — *Lonavla :* Pro forloĝiĝo S-ro C. Tedman ne plu estas Del. — *Nyitra :* Pro forloĝiĝo S-ro J. Luczenbacher ne plu estas Del. — *Midhurst :* S-ro Ch.-S. Paxton ne plu estas Del. en Midhurst; li fariĝis Del. en Newport. — *Odessa :* Anstataŭ S-ro Ergolski, S-ro Vladimir Fomenko (Počtovy Jasčik 1555) estas Del. — *Rostock :* S-ro F.-A. Bernhof (tr. tr. 35) anstataŭas dum kelka tempo S-ron Heydweiller kiel Del. — *Saint-Edwards :* S-ro Th. P. Lang, ne plu estas Del.; li fariĝis Del. en Blair. — *Villemaur :* S-ro Colombat (stacidomo) estas Vicdel. — *Vladivostok :* La adreso de S-ro R.-Y. Elleder, Del., estas Orienta Instituto. — *Waldbach :* Pro forloĝiĝo S-ro S. Tomiĉ ne plu estas Del.

**Esperantiaj Entreprenoj**

Bad-Reichenhall. — *Fotomarko :* fotografirmo, Mayerhauser, Brieffach, B. Reichenhall, Bavarujo.

Bath. — *Esperanto-Society :* P : W. Pitt; S : E.-R. Blackett.

Gera. R. — *Eldonejo Ernst Wucher*, Talstr., 4.

Oldenburg. — *Esperantista grupo « Bluruĝa ».* S : E. Rœdiger.

**Esperantiaj Asocioj**

Regensburg. — *Esperantista grupo :* P : H. Nusslein.

Schweidnitz. — *Esperantista Grupo ;* P. : Ed. Schulz.

Entute : 101 Esperantiaj entreprenoj ; 14 Esperantiaj Asocioj.

**Ĉiuj grupoj devas eldoni Gvidfolion.**

**Ĉiuj Esperantianoj repagu sian kotizajon por 1910.**

**Oni legu atente la 4an paĝon de *Esperanto*.**

**Ĉiuj Esperantianoj uzu la Esperantiajn markojn vendatajn por la centra kaso.**

**Por konigi U. E. A. uzu la nacilingvajn propaganditojn** (france, germane, itale, hispane, ruse).

## Esperanto sur la Varietea scenejo !

Antaŭ ne longe mi raportis pri la fondo de « Varietea-Esperantista Ligo ».

Hodiaŭ mi nun jam povas rakonti pri la unua tutplena sukceso de nia lingvo en varietea teatro.

S-ro K. Schwarz, la fondinto kaj estrara membro de V. E. L., eminenta parodisto kaj artisto, aranĝis en Parizo (en la konata tutmonda varietea teatro « Folies Bergères » esperantan prezentadon. La sukceso estis tiel tutplena, ke eĉ eminentaj parizaj gazetoj ne povis silenti pri tiu rimarkinda okazintajo kaj detale raportis pri ĝi.

Certe estis la unua fojo, kiam oni parolis nian esperantan lingvon sur varietea scenejo.

En nigraj kostumoj, ornamitaj per 52 verdaj steloj kaj steletoj — unua surprizo de l'publiko — suriras niaj samideanoj Karl kaj Kamilo Schwarz la scenejon. Ili komencas interparoladon en kiu S-ro K. Schwarz intence parolas malbone francan lingvon, tiel, ke la alia, S-ro Karl Schwarz, ne povas kompreni lin kaj tial proponas paroli esperante. Do tiu suprentiras la ŝultrojn kaj rediras : « Ho ! Esperanto ja estas sensencajo, neniu parolas esperante kaj neniu komprenus nin ! » « Nu, ni vidu » respondis la alia kaj turniĝante al publiko li vokas per laŭta voĉo : « Ĉu Esperantistoj ĉeestas ? » « Certe ! Certe ! Parolu esperante ! » eksonas el ĉiuj ajn partoj de l'salono kaj multe da samideanoj, Francoj, Rusoj, Germanoj, Angloj kaj eĉ unu Braziliano kaj unu Greko presentiĝis.

Poste S-ro K. Schwarz grave anoncas : « La parodioj, kiujn ni havos la honoron prezenti al vi, estas la unua parodio de rusaj dancistoj, la dua akrobata parodio ». Kaj al la ĝojo de l'ĉeestantaj esperantistoj kaj al la mirego de l'alia publiko ili prezentis rusan dancon kaj poste jenan kanton :

« Dank' al Esperanto
Vin salutas ni
Kaj per tiu bela lingvo
Nin aplaŭdu vi ! »

Kvaronan horon poste multe de jurnalistoj intervjuis nian sinjoron Karl Schwarz, kiu kun granda ĝojo rakontis al ili pri la fondo de V. E. L., pri utilo de komuna interkomprenilo por la varieteanaro k. t. p. La sekvo estis, ke la alian tagon, kiel jam dirite, ĉiuj eminentaj parizaj gazetoj raportis pri ĉi-tiu okazintajo.

Jen, kara legantaro, vi havas la unuan promesplenan sukceson de nia esperanta lingvo en la artistaro. Kaj jam hodiaŭ mi povas raporti, ke alia baldaŭ sekvos. Ĉar la fama varietea koncertkantistino Paula Sanden konsentis prezenti esperantajn kantojn sur la scenejo. Kredeble ne estas necese, atentigi pri la grava signifo de tiaj okazintajoj por la disvastigo de nia esperanta lingvo. Pro tio V. E. L. esperas, ke al esperantistaro helpos al ni ; — kiamaniere, mi ja klarigis en la aperinta artikolo.

Otto Linse,
Ĉefsekretario de V. E. L.
Bromberg, Germanujo, Neuer Markt, 8.

## Esperantia Parolejo

**« Gejunuloj de l'tuta mondo unuiĝu ! »**

En 57a numero de *Esperanto*, nia sveda samideano, Delegito de U. E. A. en Helsinborg, S-ro Backman jam parolis koncerne tiu-ĉi temo, kaj certege antaŭvidis en sia artikolo grandan rolon de gejunuloj en afero de estonto, dirante, ke la estonteco apartenas al la gejunularo, kaj ke ni, gejunuloj, iam estos la subportantoj de grandega esperantia apero.

Sed kiamaniere ni povas praktike unuiĝi ? En kia direkto ni devas labori, ke niaj spiritaj-patroj samideanoj diru : « Ni kuraĝe dedonas la standardon de nia afero al juna generacio, kaj ni kredas ke ili ankaŭ fiere kaj fruktodone tenos ĝin en siaj manoj, ke ili ne flankiĝante iros laŭ nia vojo, por venki mondon kaj homaron ! »

Kiamaniere, mi demandas, gejunuloj, ni povas esperi sur tiaj honoraj al ni vortoj, kaj kion ni devas fari por efektive fiere teni la verdan standardon ?

Antaŭ ĉio, ni devas *unuiĝi*, antaŭ ĉio ni devas memori, ke *unueco faras fortecon* !

Per korespondado ni devas komunikiĝi unu kun alia, pritrakti komunajn al ni demandojn kaj aferojn kaj per firma interŝanĝo de pensoj ni devas unuiĝi en unu grandan junan familion, por en estonto elforĝi fortikan apogon al maturaĝaj samideanoj.

Ni havas ankaŭ perfektan rimedon de unueco en formo de « Junula fako » U. E. A. kies komitano S-ro F. Rockmann, kiel al mi ŝajnas afable partoprenos en *organizado de libertempaj ĉiujaraj regulaj ekskursoj de gejunuloj eksterlanden* (kondiĉe ke tiuj junuloj estu membroj de U. E. A.) kio povas esti plenumata en venonta jaro tre facile, kaj kun granda nombro da diverslandaj ekskursantoj, kiuj sendube plezurege aliĝos al tiu-ĉi afero, kia eĉ povas naski apartan servon de U. E. A.

Pri la grandegaj fruktoj de tiu-ĉi afero oni povas legi en 57a numero de *Esperanto* en artikoleto de S-ro Backman nome : « Peresperanta vojaĝo de svedaj lernantinoj », sed ili estas memvideblaj : 1) Ne ekzistas plej bona propagandilo ol similaj, pure esperantiaj ekskursoj ; 2) ni havigos estontajn varmegajn batalantojn al nia afero, ĉar impresoj ricevitaj en juneco restos dum la tuta vivo : 3) ni disvolvas la senton de solidareco inter junaj esperantianoj, k. t. p., dirante nenion pri plezurego de ekskursantoj k. c.

Plenaĝaj esperantistoj ! Partoprenu en organizado de diverslandaj ekskursoj, kreante fortikan apogon de estonto en gejunularo, kaj vi, samideanoj gejunuloj aliĝu al U. E. A., laboru obstine por unuiĝi en junan grandan familion, komunikiĝu per leteroj, partoprenu en ekskursoj kaj ĉiam memoru — « *Unueco faras fortecon* » !

G. Jajgrenoviĉ (Kiev, Ruslando).

### Interŝanĝo de geinstruistoj

La plej nova kajero de « Internacia Pedagogia Revuo », la oficiala organo de Internacia Asocio de instruistoj kaj lasta no de « Esperanto » publikigis interesan kaj tre facile realigeblan proponon de Th. Ĉejka, laŭ kiu la instruistoj pasigus siajn libertempojn aŭ parton da ili ĉe siaj fremdlandaj gekolegoj preskaŭ *tute senpage* pagante nur la veturkoston tien kaj reen *praktike* uzi Esperanton por studi la diversajn sistemojn de instruado, la manieron de vivado k. t. p. en landoj, kies lingvon ni tute ne scias kaj *ne bezonas* scii.

Ke la propono ne estas nur pura teorio, pruvas la fakto, ke S-ro G. R. Mills, direktoro de lernejo el Blackpeel (Anglujo), laŭ la proponita maniero, pasigis 2 semajnojn ĉe sia kolego Ĉejka en Moravio, studante la sistemon de instruado en Aŭstrio (sen kompreni eĉ unu vorton de la lingvoj bohema aŭ germana nur dank'al Esperanto !) Laŭ la sama maniero studos la sistemojn de lernejoj kolego Krumpholz en Danujo (tiuĉijare) kaj Ĉejka en Anglujo (en la venonta jaro) kaj Hispanujo. Agante sammaniere ĉiuj geinstruistoj povas utili ne sole al sia profesio, sed ankaŭ al Esperanto.

T. C.

## INTERNACIA INSTITUTO de Esperanto

*Listo de la ĝisnunaj juĝantoj*

Prezidanto de la Juĝantaroj : D-ro Ostrowski (Genève)

Centra Francujo : M. J. Evrot (Limoges); Helpantoj : S-ro Pingriveaux kaj Texerand.

Norda Francujo : S-ro F. Durieux (Lille); Helpantoj : F-ino A. Sombret kaj S-ro A. Barat.

Sud-Okcidenta Francujo : S-ro S- Meyer (La Rochelle).

Saksujo : S-ro Steier (Leipzig).

Saksa Prusujo : S-ro F. Rockmann (Magdeburg) ; Helpantoj : S-roj O. Craeger kaj E. Stark.

Bavarujo : S-ro W. Beideck (Augsburg).

Svedujo : S-ro Nylen (Stockholm) ; Helpantoj : S-ro A. Larsson.

Londono : S-ro Blaise (London).

Bulgarujo : S-ro A. Atanasov (Sofia) ; Helpantoj : S-roj P. Jordanev kaj T. Kaneff.

Italujo : S-ro A. Tellini (Bologna) ; Helpantoj : P-ro G. Meazzini, S-ro Cl. Biknell, P-ro J. Bianchini.

**Akiris la Institutajn Diplomoj :**

*Atesto pri Studado :* S-ro Butin (Bad Godesberg) ; S-ro Schriewer (Attenberg) ; S-ino Tuŝinski (Danzig) ; S-ro Léval (Sampicot-Unieux) ; S-ro Talens (Carcagente) ; D-ro Fiŝer (Tiflis) ; S-ro Kleczinski (Szepetrowka, Volonie) ; S-ro Seligman (Mülhausen) ; S-ro Belenguer (Teruel) ; S-ro Weg (Amsterdam) ; F-ino Beltrame (Genève) ; S-ro Bischof (Genève) ; S-ro Zakrjewski (Ekaterinodar) ; S-ro Sandecki (Varsovio) ; S-ro Littardi (Porto Maurizio) ; S-ro Foss (Ufa).

*Atesto pri Kapableco :* S-ro Butin (Bad-Godesberg) ; S-ro Kastner (Genève) ; S-ro Hodges (Nottingham) ; F-ino Schmiedheim (Genève) ; S-ino Maillart (Genève) ; S-ro Vermaas (Rotterdam) ; S-ro Mahn (Breslau) ; S-ro Tellini (Bologna) ; S-ro Caron (Blois) ; S-ro Odufré (Gouda, Holl.) ; S-ro Marly (Bordeaux) ; S-ro Tiller (Sværdsjœ) ; S-ro Chauveau (Laval) ; S-ro G. Jegu (Laval).

*Profesora Diplomo :* S-ro Tomiĉ (Waldbach) ; S-ro Butin (Gut-Benz Lübeck) ; S-ro Lewis (Liverpool) ; S-ro Douglas (Dublin).

(Aliaj Nomoj sekvos en la proksima numero).



## LA TRANSPAGILOJ DE LA ĈEKBANKO

**Vidu la artikolon de 1a paĝo**


La Ĉekbanko Esperantista, Merton Abbey, London, S.W.
Urbo London
Dato la 15an de Junio 1909
No 261
Bonvolu transpagi
S.


POSTA KARTO
al la Administracio de la Filipina Esperantisto
P.O. Box 326.
Manilla
Filipinaj Insuloj


La Ĉekbanko Esperantista
Merton Abbey London S.W.
Urbo
Dato
Bonvolu transpagi al ... la Kredito en la Konto ...
de
la Sumon de
kaj meti ĝin en ... ian saldon.
Spesmilo
S.

## Esperanto-Movado

La Redakcio de *Esperanto* ricevis informon, ke la *VIa Kongreso* okazos la 14-20 de aŭgusto en **Washington**.

Reaperis kaj per tio komencis sian 3an jaron la **Lumo**, la oficiala organo de l'Bulgara Esp. Ligo (No 1-2 septembro-oktobro, adreso : Ks. Jankov-Popovo, abonprezo, Sm. 1,40). El ĝi ni ekscias, ke niaj bulgaraj samideanoj tre fervore batalas por la sukceso de nia ideo en sia lando. Kursoj estas malfermataj en Ŝumen, en Sofia ĉe « La Junula Esp. Grupo », en Velika Tirnovo, en Kjustandilo, en Russe. Plie ni ekscias ke niaj Sofiaj samideanoj ricevis permeson de la ministrejo de l'popola instruado malfermi kursojn ĉe la gimnazioj. Multaj paroladoj estis faritaj kaj speciale de S-ro J. Krestanof. nia Del. en Plevno.

**Germana Esperantisto** (decembro 1909, No 11, 70).

Kursoj estas malfermitaj en Augsburg unu por lernantoj de lernejoj, alia por policanoj, organizita de l'urbestraro, en Berlino de la « Liberstudenta Sekcio por Esperanto », en Braunschweig pro troa nombro da partoprenantoj en la unua kurso, dua devis esti organizita. Alia kurso komenciĝis por lernejanoj, en Bremerhaven gvidata de S-ro Fricke el Bremen, en Chemnitz, ĝin sekvas 40 partoprenantoj, en Gœthen, Danzig, Dresden, por oficistoj de la tramvojo kaj kelneroj, por kolono de 25 personoj de Ruĝa Kruco. Kaj por stenografiistoj, La « Dresdena Societo Esperanto » organizis ripetajn kursojn. En Bad Elster komenciĝis 2 kursoj, kiujn sekvas 30 lernantoj, Frankenberg i. Sa, la kurso enhavas 25 partoprenantojn, en Gera ekzistas 3 kursoj ; novaj kursoj en Grosschœnau, Hanau, Hannover, Lippstadt, Lockwitz, Lübeck, Penig, Plaŭen-i.-V., Regensburg, Schweidnitz, Wernigerode, Worms, Zoppot. En München la laborista grupo malfermis kurson, kun 91 partoprenantoj.

« Germana Esperantisto » promesas por 1910 pligrandigi kaj plibonigi la jurnalon. Ni ĉiuj deziras bonsukceson al nia tre energia kunbatalanto !

En **Monde Espérantiste** (novembro 1909, No 12), ni legas, ke lastatempe en Francujo estis fonditaj novaj grupoj en jenaj urboj : Chateaurenard kaj Eu. Paroladoj estis faritaj en Orléans de S-ro Archdeacon, kaj en Le Mans. Kursoj novaj en Barentin, Duclair (organizitaj kaj monhelpataj de la urbestraro), kaj en Louhans. La urba konsilantaro de Le Creusot transdonis al la loka esp. grupo 500 fr. por la organizo de la 3a kunveno de la Burgonia Federacio.

**Internacia Socia Revuo** (No 11, novembro 1909. Ĉe la internacia kongreso de la keramistoj en Florencs, kamarado Fillet faris paroladon pri Esperanto. La naciaj federacioj promesis diskonigi nian ideon.

**The British Esperantiste** (decembro 1909). La Battersea grupo de novembro eldonadas sub la nomo : « Nu ! Battersea'anoj » ĉiusemajnan kvarpaĝan hektografitan revueton sub la redaktado de S-ro Lee. Bedaŭrinde la adreso ne estas skribita ; sed verŝajne, ĝi estas sama, kiel de la grupo : Latimer Rd Baths, Battersea, London. Multaj kursoj estis malfermitaj kaj paroladoj faritaj mem en Londono. Ni ne povas pli detale skribi pri la sukceso de niaj londonaj samideanoj, ĉar ĝi okupus la tutan kronikon. Ni nur resumos, kio estis farita de niaj anglaj samideanoj en aliaj urboj.

Kursoj : en Accrington, Burnley (3 kursoj), Cheltenham, Coventry, Leamingtan, Middlesbrough, Portsmonth, Perth (2 kursoj), Greenock, St-Helens (7 kursoj), Leiven, N. V. Paroladoj. Nia konata senlaca batalanto S-ro Harrison Hill lastatempe faris 45 paroladojn ; aliaj paroladoj okazis en Derby. S-ro Pastro R. C. Bindley ; Manchester, S-roj Harrison Hill kaj Lewis ; Wigan, S-ro F. R. Ogden ; Glasgovo, S-ro R. Y. Mac Laren ; Coleraine, S-ro F. W. Crofts.

Multaj novaj grupoj estas fonditaj en Anglujo.

**Amerika Esperantisto** (decembro 1909, No 5). Kursoj en Jamestown, Springfield kaj en Santa Cruz, California.

En New-England S-ro Herbert Harris faris paroladon. En Cheldon estis fondita grupo.

**Norda Gazeto** (No 11, Novembro 1909). Kursoj en Brury kaj en Lycee ; paroladoj en Abbeville kaj Saint-Omer.

**Belga Esperantisto** (No 1a novembro 1909, Kursoj en Antverpeno (8 kursoj), Berchem (3 kursoj), Beyne-Heuzay, Boom, Brugge kaj Liège.

Paroladoj en Berchem, S-ro Frans Schoofs ; Brugge, S-ro A. J. Witteryck kaj en St. Gilles, S-ro Abato Richardson.

**Hungara Esperantisto** (No 7a novembro 1909). Kursoj en Budapest (4 kursoj) kaj Temesvar (3 kursoj).

Reaperis la **Finna Esperantisto** (9a-10a, sept.-okt. 1909, oficiala monata organo de Esp. asocio de Finlando, Helsinki, Finlando). La 18-an kaj 19-an de sept. kunvenis en Helsinki 33 samideanoj el diversaj urboj de Finlando. Ili pridiskutis la regularon kaj decidis komenci pli viglan propogandon de nia ideo. Bonan sukceson al niaj finnaj samideanoj !

**La Du Steloj** (No 5a kaj 6a, septembro, oktobro 1909, Ĉillando).

En Valparaiso estis malfermitaj 3 kursoj. En Ekaiguen'o S-ro Boris Cojano faris paroladon. Niaj ĉilaj samideanoj energie sin preparas festi la jubileon de nia kara Majstro.

⁂

De niaj korespondantoj ni ricevis jenajn informojn.

S-ro Abato Richardson, Belgujo : « Malgraŭ la kontraŭstaro de la 30 idistoj de Belgujo, kiuj ĉion faras por ruinigi ĉe la publiko la kredon pri Esp., ĝi bonege progresas. La B. L., kiu en 1908 enhavis nur 14, kalkulas nun 28 grupojn ; 18 aliaj grupoj ekzistas, kiuj baldaŭ ankaŭ aliĝos al la B. L. La fidela grupo « Esperanta Pioniro » estas sendependa societo, aliĝinta al la Poliglota Klubo en Bruselo kaj samtempe al B. L. Ĝi havas jam 40 membrojn, La komitato de la B. L., dum sia kunveno en Antverpen'o la 21an de novembro forpelis de la Ligo la « Pioniron » idistan grupon de Bruselo. Tiu grupo, kiu en 1908 kalkulis 150 membrojn sukcesis (aŭ mal?) kunvenigi nur 28 membrojn por voĉdoni la anstataŭigon de Esp. per Idó. « La Belga Sonorilo » (organo de Belgaj idistoj) havas nun nur 4 foliojn, ĝi aperas sen kovrilo kaj sen anoncoj. »

Aliparte, la sama informas nin, ke la **Kongreso Katolika** esp. okazos en Parizo dum la paska semajno. Ĝi sin ne okupos pri lingvaj demandoj. La sola lingvo de la Kongreso estos Esperanto. La kongreso sin okupos pri jenaj demandoj : « La unua kaj plej ĉefa demando estas la unuiĝo de ĉiuj kristanoj en unu ŝafaro sub la sola Paŝtisto de la Anstataŭanto de la Sankta Petro kaj la Vikario de Jesuo-Kristo. En la tagordo estas ankoraŭ aliaj demandoj pri patronaj rondoj, vesperaj lernejoj, lernejaj koloniaj, protektado de Fraŭlinoj kaj Infanoj, batalo kontraŭ alkoholo kaj pornografio kaj fine, laŭ la deziro de la Papo oni ankaŭ diskutos la demandan pri ĝenerala studato de latina lingvo kaj ĝia unika elparolado. S-ro Mello Souza, Rio-de-Janejro, skribas : La 1a **Brazila Kongreso de Geografio** aplaŭde aprobis gravan proponon tre favoran al Esperanto, kies uzadon la Kongreso rekomendis por ĉiuj aferoj internaciaj.

Baldaŭ efektiviĝos en la Normala Lernejo de tiu-ĉi ĉefurbo ekzamenoj por la estontaj geprofesoroj de Esp. Tiuj ekzamenoj estas direktataj de Brazila Ligo Esp.

La propagando daŭras vigle dank'al paroladoj, festetoj, fondiĝo de kelkaj novaj grupoj, artikoloj en la gazetaro, k. t. p.

## BIBLIOGRAFIO

**Anonco al la eldonistoj.**

La Redakcio de « Esperanto » petas ĉiujn eldonistojn, kiuj volas ke iliaj eldonajoj estu recenzitaj en nia jurnalo, nepre alsendi po du ekz. de siaj eldonajoj al la Redakcio.

J. S. Turgenev. *Patroj kaj Filoj.* El Rusa lingvo tradukis *Kabe.* (Librejo « Esperanto », 28, Tverskaja, Moskvo, Rusujo, 1909. Prezo Sm. 1.) La nomoj de la tutmonde konata rusa aŭtoro kaj de la fama tradukisto estas sufiĉe allogaj por ke ni ne devu speciale rekomendi tiun tre interesan libron.

D-ro A. Fiŝer. *Esperanta Legolibro* por lernantoj. (Internacia krestomatieto. Societo Esperantista Kaŭkaza. Presejo « Progreso » Mihajlovskij prosp. 102, Tiflis, 1910. Prezo : 30 sd.)

Tre interesa, rekomendinda kaj malkara legolibro. Enhavas ĉiujn paroladojn de la Majstro kaj multajn informojn historiajn pri Esperanto. Mendebla ĉe D-ro A. Fiŝer, Sudebnaja, 15, Tiflis, Rusujo.

D-ro L. L. Zamenhof. *El Dramoj.* (No 7. Esperanta Biblioteko internacia. Esperanto Verlag Mœller Borel. Berlin. Prezo : Sm. 0.10.)

D-ro L.-L. Zamenhof. *El Komedioj.* (No 8, Esperanta Biblioteko Internacia. Esperanto Verlag Mœller Borel. Berlin. Prezo : Sm. 0.10.)

F-ino Inmann (esperantigis). *Gulliver en Liliputlando.* (Verda Stelo Serio, Spreaight et Sons. London. Prezo Sm. 0.50.) Tre interesa legolibro por infanoj.

Veradn Sivunjan. *Ekzercareto Esperanta.* (Tiflis, Monumenta per No 3, ĉe la aŭtoro, Prezo 5 Sd.)

Th. Cart. *Unu horo per esperanto* tradukis en Bulgara Lingvo I. Krestanov (Bulgara Esp. Biblioteko. No 1, Mendebla ĉe Esp. Oficejo. Plevna, Bulgarujo. Prezo 10 Sd.)

D-ro O. Burwinkel. *La Kormalsanoj.* Esp.-igis D-ro Kunschert. (Esperanto Verlag Mœller Borel. S. W. 68, Lindenstr. 18/19. Berlin. 1909. Prezo Sm. 0.50.)

*Esperantista Murkalendaro.* (Eldonisto L. L. Bruijn. 170. Kepplerstraat. Hago. Nederlando. Prezo Sd. 60.)

Ni tre rekomendas al la grupoj, speciale por iliaj kunvenejoj, tiun bonegan murkalendaron kun ĉiutagaj ŝirfolioj. kiuj enhavas tre interesan kaj bone elektitan materialon. Ĝi estas ankaŭ bona propagandilo por donaco al neespistoj.

*Kalendaro por la ripetadode lingvoj* de S-ino F. Dœninghaus kaj F-ino H. de Chalmot, semajna ŝirkalendaro en 4 lingvoj : Esperanto-Franca-Germana kaj Angla. Mendebla ĉe Dœninghsus et Co, Kœln a. Rh.-Lindenthal. Prezo : Sm. 1.50).

*Poŝkalendaro 1910* de I. H. Fred, Bristol Place. Edinburgh, Skotlando. Prezo 25 Sd. Enhavas adresaron de la U. E. A. Delegitoj.

S. S.

Ĉiuj libroj supre recenzitaj estas mendeblaj ĉe

**Universala Esperantia Librejo**
*10, rue de la Bourse,* **Genève** *(Svis).*

# ANONCETOJ

## TARIFO

KORESPONDADO. — *Unu enskribiĝo $ 0.30 (fr. 0.75).*

PI = *poŝtkartoj ilustritaj*; L = *leteroj*; PM = *poŝtmarkoj*.

PETOJ & PROPONOJ; KOMERCAJ REKLAMOJ. — *Unu linio (40 literoj : $ 0.08 (fr. 0.40).*

*Por ĉiuj annoncetoj, rabato da 10 % por 3 enpresoj, 25 % por 12 enpresoj, 50 % por 24 enpresoj.*

*Niaj abonantoj rajtas unu enskribiĝon por korespondado aŭ dulilian anoncelon senpage.*

NOTO. — Ĉia anonceto estos sendata, antaŭ la 5a kaj 20a de ĉiu monato, al nia Administrejo, al la lokaj Agentoj aŭ Esperanto-Oficejoj. Pago per poŝtmandato aŭ internaciaj poŝtkuponoj.

## Korespondado

MILANO (Italujo). — S-ro E. Castoldi, teatristo, viale Volta 8 (pri teatraj aferoj).

BOULOGNE-SUR-MER (Francujo). — S-ro Victor Haigneré, 149, rue du Moulin-à-Vapeur. PI.

HRADEC-KRALOVE (Bohemujo, Aŭstrio). — Sro J. Vacek, banko Zalozni uverni ustav.

NASLY (Azia, Turkujo). — Sro J. Sapoundjcglo.

PECKA (Bohem., Aŭstrio). — Sro Josef Krômarik, no 5. PI.

ODENSE (Danujo). — Sro H. P. Nielsen, V. Stationsvej 38. PI.

MANLLEU (Katalunjo, Hispanujo). — S-roj J. Mateu, tabakvendisto; V. Nogué, fabrikisto; J. Altafaja; Jago Suriyach, Johano Solo. PI.

PRAHA-ZIZKOW (Aŭstrio). — Sro J. Jenĉ, Havliĉhova 37. PI. L. PM. (ĉiam respondos).

THUN (Svisujo). — Sro C. Hildebrandt, Schlossberg 67. PI. L. PM.

JENA (Germanujo). — Sro R. Wohlstadt, stud. Sophienstr. 49. PI. L.

DE WITT (Nebr, Usono). — Sro James Grantham.

BINGLEY (Anglujo). — Sro E. Farnell (kun biologiistoj kaj hortikulturistoj neanglaj). Esperejo, Eldwick. L.

SAN SEBASTIAN (Hispanujo). — Sro Ezkurdia, str. Fuenterrabia, PK.; Sro S. O. de Arri, str. Guetaria 10 (interŝanĝ portretojn).

TIFLIS (Rusujo). — Sro Arkadio Arumov, rue Cotzubej 6. PI. L.

ZARAGOZA (Hispanujo). — Sro Antonio Pla, Jaime T. 65.

VALPARAISO (Ĉilio). — Sro Ignacio B. Suarez, Str. Jungay 316. PI.

WORMS a/Rh. (Germanujo). — Sro H. Dœss, Knappenstr. 7. PI. L.

## Petoj kaj Proponoj

FOTOGRAFANTO deziras interŝanĝi fotografaĵojn, interesajn por la propagando de Esperanto, PK. de grupoj, p. t. p. Oni turnu sin al la adreso : C. D. Baxandall, F.B., E. A., 23, Portland St., Lancaster (Anglujo).

RIPREZENTANTO de fabriko, tre konata ĉe la firmoj (artikloj por tajloroj) deziras alian riprezentadon, escepte por veluroj kaj silkaĵoj. Sin turni al Sro Gillet, 4, rue des Petits-Champs, *Paris*.

EKSPOZICIO. — Sro Rübsamen, Direktoro de 2 lernejoj de lingvoj modernaj ricevas kun plezuro materialon pri Esp. Ekspozicio. Adreso : Moderne Sprachzchule, Gœthestrasse, 10,2 Frankfurt a/M.

**Korespondo.** — S-ro E. Gabert, 10. rue Claude-Delaroa, Saint-Etienne (Francujo) deziras interŝanĝi PI., montrantajn interesajn preĝejojn aŭ monaĥejojn; ĉiam respondos per belaj PI.

**Financoj.** — Personoj dezirantaj deponi siajn kapitalojn kun plena garantio en Rusujo por 8 % jare, volu sin turni laŭ adreso : S-ro Vladimir Krajev, Tchernajevkaja, 14, *Tachkent* Sir Dariinskoj oblasti, Rusujo.

**Cosmopolitan Correspondence Klub.** — Granda internacia Klubo pri korespondado, kolektado k. t. p. — 7,000 membroj en la tuta mondo, belega ilustrata revuo en 4 lingvoj kun esperanta fako. Pri informoj aŭ aliĝiloj skribu al Cas. Post. 601. *Genova*, Italia.

**Lernejo por Franca & Esperanta lingvoj.** — En Morges (Franclingva Svis.) apud la mondfama Geneva Lago; belega vidaĵo; trankvila restadejo. Esperanto-Oficejo & societo en la urbo. Favoraj kondiĉoj. Speciale rekomendata, hejma vivado. Por ĉiuj informoj, oni sin turnu al la adreso : Fno A. Richardet, Esperanto-domo, Morges, aŭ al Esp. Ofic. de U. E. A., S-ro Jayet (Morges).

**Studento.** — Esp. organo de studentoj aperonta en septembro 1909 serĉas korespondantojn en ĉiuj landoj. Jarabono 1 $ (pagita antaŭ 1 sept. nur 0.75 $). Adreso : *Praha*, 516, K. Kuthan.

POŜTKARTO-REVENDANTOJN serĉas Eldonejo Esperanto, Germanujo : Leipzig, Langestr. 27.

**Maloftaĵoj.** — Estas rezervitaj nur kelke da jarkolektoj de la malnova gazeto « Rondiranto », la unua pioniro esperanta en Bulgarujo. Ĝi estas rekomendata al ĉiu esperanta biblioteko kiel maloftaĵo.

| | | |
|---|---|---|
| La Unua jarkolekto | kostas | 20 fr. |
| La Dua | — | 10 fr. |
| 1/2 de la Tria | — | 5 fr. |
| Ĉiuj kune | | 30 fr. |

Aĉeteblaj de Sro G. Oreŝkov telegrafisto, Sofia (Bulgarujo).

**Kolektantoj !** — Ĉiu Esperantisto, kiu al mi sendos poŝtkarton, ricevos de mi belan albumeton kun 13 vidaĵoj. Mi ĉiam respondas kaj deziras interŝanĝi poŝtkartojn, postmarkojn, leterojn kaj gazetojn. Sro J. Jenĉ, Praha-Zizkov, Havliĉkova 37.

**Bestkuracistoj !** — Mi serĉas kolegojn por korespondado pri specialeco (legeble). Veterinaro N. Foss, Ufa (Rusujo).

**Junuloj.** — Sro Hœppner, Esp-iano, Augustenstr. 65-I, *Rostock* (Germanujo) dez. koresp. kun junaj Esp-ianoj.

## GRAVA AVIZO
### por KOMERCAJ KONSULOJ

Reprezentantoj estas serĉataj en ĉiuj landoj por *skribmaŝinoj, kudromaŝinoj, bicikletoj, fotografaj aparatoj, krajonakrigiloj.*

Petu informojn de : *Bigalke & Mohwinkel, Bromberg* (Germanujo).

## Komercaj reklamoj

**TRA LA FILATELIO**

Internacia monata organo de ĉiuj kolektistoj de poŝtmarkoj & poŝtkartoj. Jare : En Francujo 2 fr. 10, 0.80 $. En ceteraj landoj 2 fr. 50, 1 $, ĉe S-ro Fize, au Pastissou, Béziers (Francujo).

**Ekspeda firmo.** — Firmo Krook & Person, en Lübeck (fondita 1876). Ekspedoj precipe al Dan-, Sved-, Rusujo & Finlando.

**Komercaĵoj.** — Sro A. Rowlands (Box 183, Invercargill, New-Zeland) deziras koresp. pri komercaĵoj revendeblaj en la Anglaj Kolonioj kaj pri la produktaĵoj de Nov-Zelando.

**Donaco** tre rekomendinda al Esperantoj geamikoj : murpladoj surskribitajn per Esperantaj devizoj. Forsendas afrank. 3 po 3 75 $ S. F. V. Dam, 38 v. Galenstrasse *Haag* (Holando), konto ĉekbanko Esperanto.

**Silkaj esperantaĵoj.** — B. Peyraud, Vicdel. U. E. A., rue de la Loire, 41, Saint-Etienne, Francujo.

*Flagetoj, kravatoj verdstelumitaj* por samoj, 5 modeloj. — *Atlasa rubando*, kun verdstela desegno, por sam-inoj. — *Vualskarpoj* esperantistaj, el blanka gazmuslino. — *Bildoj teksitaj* el silko, veraj teksaj ĉefverkoj. — Kontraŭ 0 fr. 30 (0.12 $) poŝtm. aŭ 1 respondkupono, oni ricevas silkan flageton kaj la ilustritan prezaron.

CENT DIVERSAJ POŜTKARTOJ. — Esperantaj por elekti. Mendu prezaron de Eldonejo Germanujo; Leipzig, Langestr. 27.

## ESPERANTO-POŜKALENDARO

*(Por la jaro 1910, triajara 1910)*

Verkita de J. H. FRED, Bristo Place, Edinburgh Skotlando

136 Paĝojn da interesa materialo

*Verdatole bindita kun orumita titolo*

Prezo : 30 Sd. afrankite

(Eksterlande — afrankite kontraŭ 3 respondkuponoj, internacie).

Jam aperis ĝustatempe ĉe la fino de novembro 1909; la kalendaro enhavas belegajn bildojn de la Majstro kaj de Sro Bolingbroke Mudie; « La Espero kun muziko : revuon pri esperanto dum la jaro 1909 : la boulogne'an declaracion; artikolon pri Washington, la kongresurbo de la sesa; la adresaron de la U. E. A. kun antaŭparolo de Sro H. Bolingbroke Mudie; tabelojn de monsistemo; dataron kun multe da novaĵoj; paĝojn por spezoj; adresojn de esperantistaj firmoj kaj hoteloj, k. t. p. La formato de la kalendaro estas nur 5x3 coloj, tre taŭga por la veŝta poŝo.

BARCELONA KONGRESO. — 14 belegaj gravuraĵoj de la Kongreso Barcelona nur $ 0.55. Eldonejo Esperanto, Germanujo : Leipzig, Langestr. 27.

## ĈU VI VOLAS

[illegible] Sendu al ili [illegible] da belegaj [illegible] prunoj (pr nes d'AGEN). Tio estas la plej agrabla el ĉiuj donacoj okaze de **KRISTNASKO** aŭ **JARŜANĜO**.

*Artista Kestelo je 3 kilogr. :*

| | |
|---|---|
| **Belegaj** . . . . . . . | **Fr. 8** |
| **Tre Belaj** . . . . . . | **— 7** |
| **Belaj** . . . . . . . . | **— 6** |

Sendi poŝt mandaton kun la adreso de la persono al kiu oni deziras fari donacon. Skribi al Sinjoro **Georges CADOR**, *Villeneuve-sur-Lot* (Lot-et-Garonne), Francujo, kiu sendos la kesteton tuj hejmafrankite. (En ĉiujn landojn).

**Liverantoj de Mustardo kaj Amelo al la Reĝo**

Laŭ privilegio

## J. & J. COLMAN

(Akcia Societo)

MANUFAKTURISTOJ DE

**MUSTARDO, AMELO, BLUIGAĴO**

KAJ

**BRITA RIZFARUNO**

*108, CANNON STREET, LONDON*
*kaj CARROWWORKS, NORWICH* (Anglolando)

*La Administranto (Gérant) : DUVAL*
Laborista Kooperativa Presejo, 15, rue Amiral-Roussin. Dijon (Francujo)




## ĈASOPIS ĈESKÝCH ESPERANTISTŮ

Kun literatura aldono « *Legolibro de Bohemaj Esperantistoj* » oficiala monata organo de bohemaj Esperantistoj kaj de centra asocio.

**Bohema Unio Esperantista** *(B. U. E.)*, kiu unuigas tiutempe *43 societojn*. Ĉiu numero de tiu ĉi revuo enhavas po 20 paĝoj da plej bona teksto : artikoloj originalaj kaj tradukitaj, parto oficiala, esperanta movado en fremdlando kaj inter Bohemoj, bibliografio, adresaro de korespondantoj, k. t. p.

Jara abonpago : 3 kronoj ($ 1.50) Red. kaj Adm. : Praha II, 2023, *Ed. Kühnl.* (Rabato por Societoj).

**SENSACIA NOVAĴO!**

Alsendante Vian fotografaĵon, Vi ricevos post kelkaj tagoj

## Velofot-Portretojn

la plej belajn, malmultekostajn, akrajn, daŭrajn fotografaĵojn kiuj estas :

| | | |
|---|---|---|
| 20 fotografaĵoj | . . . . | $ 0 50 |
| 50 » | . . . . | » 1 — |
| 100 » | . . . . | » 1 75 |

Konvenaj kradetoj po 2 1/2 Sd. La senditajn fotografaĵojn oni rericevas nedifektitaj.

Livero post sendo de la mono (enlande 10 Sd. eksterlande 20 Sd. plie por transsendo), aŭ per poŝta repago.

**Entrepreno Fotomarko**

Bad Reichenhall, Germanujo, Brieffach No 43.362.001

**Por alglui sur membro kartojn. k. t. p.**

Tre rekomendinda donaco al Kristnaska festo estas la mondfama

## KŒNIGSBERGA MARCIPANO
### SPECIALAĴO

en pecegoj, tekonfektaĵo kaj marcipanaj terpomoj. Prezo funte 1 $.

Por 10 $ ni forsendas en- kaj eksterlanden afrankite kaj sendogane la tre plaĉantajn kestojn enhavantajn diversajn marcipanaĵojn.

**PAUL BECKER, KŒNIGSBERG (Prusujo)**

Marcipanfabriko premiita per ora medalo en a Pariza ekspozicio 1908.

**Oni korespondas esperante**

## AL LA KOLEKTISTOJ

Post kelkaj jaroj, *grandan valoron* havos la plena kolekto de la gazeto.

**ESPERANTO**

Do, rapidu mendi ĉi tiun plenan kolekton dum ĝi estas ankoraŭ havebla po malkara prezo.

*La tuta Kolekto* (60 noj), afrankite 2.50 $.

Sin turni al la Administrejo (10, rue de la Bourse, Genève).

*Malnovaj n-oj antaŭ 1 Decembro 1908 ne estas izole aĉeteblaj.*

## LINGVO INTERNACIA

**Centra organo de la Esperantistoj**

Eliranta la 15 kaj 20 de ĉiu monato

*Abono por unu aro, kun* LITERATURA ALMANAKO 3 Sm.

La *Literatura Almanako* enhavas, krom la historio de Esperanto dum 1908, portretojn de l'Akademianoj kun biografiaj notoj kaj neeldonitaj paĝoj de ili. Ekskluzive rezervita por la abonantoj.

## Por la Higieno de l'tualeto

(lavaĵoj, higieno de l'buŝo, la haŭto, lavado de suĉinfanoj, intima higieno)

Oni nepre rekomendas

**COALTAR SAPONINE LEBEUF**

BAYONNE (Francujo)

Kiun ĝiaj antisepcaj, deterŝivaj kaj cikatrigaj proprajoj akceptigis ĉe la Parizaj Hospitaloj.

*En la apotekejoj — Atentu la imitaĵojn*

**Granda Marko "Ville de Paris"**

## INKOJ MIETTE

*gluoj likvidaj, sigeloj*

**Jules MIETTE**

102, Rue Amelot, PARIS-XI

## Grandaj Vinoj el Burgonjo

## MOREAU-VOILLOT

BEAUNE (Côte-d'Or-Francujo)

Firmo fondita en 1786, daŭrigita de patro al filo

Honorindaj makleristoj estus akceptataj

**Oni petu la prezaron esperantan**

## HÜTTIG-KRUGENËR
## Wünsche — Zeiss

**KAMEROJN** liveras nun

FABRIK-MARKO

## " J. C. A. "

**Aktien-Gesellschaft, Dresden.** — *Unuigo de la ĉi-supraj firmoj*

Akcia Kapitalo : 3.000.000

**La lastaj Katalogoj valoradas**

MEDIZINISCHE LICHT- & HERZ- u. NERVEN- **Heilanstalt-Kuracejo** por lumkuracado por malsanoj de l'koro kaj de l'nervoj.

vormals : ROTES KREUZ — antaŭe : RUĜA KRUCO

*51 Luisenstrasse* **BERLIN NW. 6** *Telefono III, 3185*

**Sekcio por lumkuracado**

Elektra lumo kun elektrodoj de karbo, fero, hidrargo. Lumo de Roentgen. Radiado d'Arsonval kaj de Oudin kontraŭ artrito, reŭmatismo, neŭralgio, iŝialgio, furunkulozo, diabeto, k. t. p.

**Radiado kaj fotografado laŭ Roentgen**

**Sekcio por malsanoj de l'koro kaj de l'nervoj**

Esploroj per radioj de Roentgen kaj konstatado de l'agado de l'koro. Banoj kun karbacido kaj ŝprucbanoj kun pinburĝonoj. Elektraj banoj por la tuta korpo kaj por apartaj membroj. Vibromasaĝo k. t. p.

**La kuracado plene anstataŭas restadon en Bad Nauheim**

Prospekto laŭ deziro — **KURACADO AMBULANTE. ONI PAROLAS ESPERANTE.** — Du kuracistoj — Direktoro : **Dr. BREIGER**

## " NOVAĴO "

*Grava afero por ĉiulanda militistaro !*

## PATENTSPRONO KUN FLEKSEBLA KOLO

- Nenia falado malsuprenirante la ŝtuparojn.
- Nenia disŝirado de la botoj kaj de la pantalonoj.
- Post ĉiu premo la spronkolo revenas en sian iaman originan situacion.
- La eltrovaĵo estas patentigita ĉe ĉiuj kulturŝtatoj.
- Eksterlandaj patentoj estas vendeblaj.

Reprezentantoj ĉiulande dezirataj.

Ilustr. prezaroj ĉien per la forsendejoj :

Adolf. Muth, Nürnberg, Lichtenhofstr. — Germanujo.

Ludwig Dollatscheck, München, Galeriestr. — Germanujo.

Hans Kriebel, Dresden, Gneisenaustr. — Germanujo.

## Esperantaj Donacoj

**Kalendaro por la Ripetado de Lingvoj**

Murkalendaro de 50 grandaj folioj kun teksto en esperanta-franca-germana kaj angla lingvo. 80 Sd.; afranke, 1 $.

**Esperanta Murkalendaro**

Kun ŝirfolioj por ĉiu tago. Afranke, 60 Sd.

**Luksaj butonoj por manumoj**

La paro afranke, 1.45 $.

Insignoj. Flagetoj, k. t. p.

**Novaĵoj**

*E. Boirac. Plena Vortaro. Esperanto-Esperanta.* 1a parto. 1.60 $. Afranke, 1.80 $. La dua parto aperos en fino de januaro kaj estas nun mendebla.

*J. S. Turgenev. Patroj kaj Filoj.* Trad. Kabe. 1 $. Afranke 1.12 $.

**Universala Esperantia Librejo**

**Rue de la Bourse, 10**

**GENÈVE**

PRESEJAJ LITEROJ MAYEUR — **PARIS**

## ALLAINGUILLAUME, J. SALING & Cie

GRAVUR-FONDISTOJ — POSTEULOJ

**21, RUE DU MONTPARNASSE**

ĈIUSPECAJ LITEROJ KAJ VINIETOJ

Specialaĵo de SUPERLITERAJ SIGNOJ

Liverantoj de ĉiuj Esperantaj literoj kaj supersignoj uzataj ĉe la presejo de U.E.A. por la kompostado de ESPERANTO kaj ĉiuj Esperantaj presaĵoj.

| ROMANA | TIPOJ DIDOT | ITALIKA |
|---|---|---|
| ĉ ĝ ĥ ĵ ŝ ŭ | Korpo 7 — Bas de casse | *ĉ ĝ ĥ ĵ ŝ ŭ* |
| Ĉ Ĝ Ĥ Ĵ Ŝ Ŭ | Cefliteroj | *Ĉ Ĝ Ĥ Ĵ Ŝ Ŭ* |
| ĉ ĝ ĥ ĵ ŝ ŭ | Korpo 8 — Bas de casse | *ĉ ĝ ĥ ĵ ŝ ŭ* |
| Ĉ Ĝ Ĥ Ĵ Ŝ Ŭ | Cefliteroj | *Ĉ Ĝ Ĥ Ĵ Ŝ Ŭ* |
| ĉ ĝ ĥ ĵ ŝ ŭ | Korpo 9 — Bas de casse | *ĉ ĝ ĥ ĵ ŝ ŭ* |
| Ĉ Ĝ Ĥ Ĵ Ŝ Ŭ | Cefliteroj | *Ĉ Ĝ Ĥ Ĵ Ŝ Ŭ* |
| ĉ ĝ ĥ ĵ ŝ ŭ | Korpo 10 — Bas de casse | *ĉ ĝ ĥ ĵ ŝ ŭ* |
| Ĉ Ĝ Ĥ Ĵ Ŝ Ŭ | Cefliteroj | *Ĉ Ĝ Ĥ Ĵ Ŝ Ŭ* |

$ $ $ $ $ $ $ $ $ $ $ $

EGIPTA KORPO 8 No 406

ĉ ĝ ĥ ĵ ŝ ŭ ◆ Ĉ Ĝ Ĥ Ĵ Ŝ Ŭ

## La plej bona akriga MAŜINO de TRANĈILOJ
## " PIPIFAX "

Ne manku en ia domo ! Ĝi tuj akregigas

Ĉiujn tranĉilojn — Simpla — Manuzebla — Praktika

**Havebla de la solaj fabrikantoj**

UHL & H RBECK (Esperantia Entrepreno), HAMBURG, 35 S.

## POŜHORLOĜO : L'ESPERO



El blanka, tre fortika metalo, oksidita kiel malnova arĝento, kun reliefa kovrilo kaj verda emajlita stelo. Preciza radaro je ankro kun 15 rubenoj, plene garantiita por ekzakta funkciado. Utilega al ĉiuj esperantistoj. Tre ŝatata donaco.

Prezo : **30** fr. = **12** $

Afrankita en ĉiuj landoj : **12.65** $

Sola riprezantanto de tiu ĉi kaj de alispecaj horloĝoj de fame konata svisa fabrikejo.

**UNIVERSALA ESPERANTIA LIBREJO**

Rue de la Bourse, 10, GENÈVE (Svis.)

## Universala Esperantia Librejo

*10, rue de la Bourse, GENÈVE (Suisse)*

Vendas ĉiujn eldonaĵojn de U. E. A. kaj ĉiujn Esperantaĵojn (propagandiloj, lernolibroj, literaturajn kaj sciencajn, verkojn, k. t. p.).

**Oficialaj eldonaĵoj de U. E. A. :**
rekomendataj al ĉiuj Esperantianoj

*Oficiala Jarlibro* (Plenaj informoj pri U. E. A., ĝia organizo, ĝiaj servoj kaj la maniero ilin uzi, k. a. Plena listo de la Deligitoj, Vicdelegitoj, Subdelegitoj, Esp.-Oficejoj de U. E. A.). Necesega por ĉiuj membroj. Prezo : 0,30 Sm.; 10 ekz. 2 Sm.

*Oficiala insigno* (verda stelo kun blanka rando, rezervita por Esperantianoj). Prezo : 0,36 Sm.

*Oficiala Marko* (gluota sur la korespondaĵoj de la Esperantianoj) 1 sd. por ekzempl. (minimumo 10 ekz). Por Esp.-Oficejoj rabato da 20 % por ĉiu mendo de pli ol 100 ekz.

*Oficiala leterpapero* (por Delegitoj, Subdelegitoj kaj membroj) 100 folioj : 0,75 Sm.

*Oficialaj kovertoj.* Prezo, 100 ekz : 0,70 Sm.

*Oficialaj poŝtkartoj.* Prezo, 100 ekz. : 0,75 Sm.

*Gvidfolioj de U. E. A.* (Rekomendataj al ĉiuj vojaĝantaj Esperantianoj). Senpage riceveblaj kontraŭ marko aŭ kupono da 0,10 Sm. Oni povas mendi la gvidfoliojn aparte.

*Universala Esperanto-Asocio*, ĝia celo, ĝia organizo, ĝiaj praktikaj servoj, ĝia signifo. Propaganda broŝureto. Prezo, 10 ekz. : 0,20 Sm.; 50 ekz. : 1,50 Sm.

*Oficiala Bulteno* (senpaga por Delegitoj, Subdelegitoj kaj Konsuloj).

PROPAGANDAJ BROŜUROJ EN NACIAJ LINGVOJ :

*Universala Esperanto-Asocio.* Enkonduko, celo, organizo, praktikaj servoj, socia, signifo, konsiloj, al la interesatoj, k. t. p. Tiu bonega propaganda broŝuro, kiu klare konigas U. E. A. al la neesperantista publiko, estas nepre rekomendata al ĉiuj niaj propagandistoj.

Ekzistas ĝis nun eldonoj en lingvoj *franca, germana, hispana, rusa* kaj *itala*. Eldonoj angla, kaj portugala estas en preparo. Resumoj en lingvoj *dana* kaj *holanda*.

Prezo, 10 ekz. : 0,20 Sm; 50 ekz. : 0,80 Sm; 100 ekz. : 1,50 Sm.

AVIZOJ : Ĉiuj mendoj estu sendataj al **Esperantio, Universala Esperantia Librejo,** 10, rue de la Bourse, *Genève* (Svisujo), Tamen, nacilingvaj propagandaj broŝuroj estas ankaŭ riceveblaj jenaj el la adresoj :

Dro M. KANDT, 8, Neuer Markt, *Bromberg* (Germana).
P. LINARES, Santo-Basilio, *Cordoba* (Hispana).
A. TELLINI, Vallescura, 11, *Bologna* (Itala).
S. SZABUNIEWICZ, Mjasnickaja, d. Zimin, *Moskva* (Rusa).

Kalkulo estas malfermata nur al Delegitoj & Subdelegitoj. Ĉiuj aliaj personoj devas aŭ mendi per sia loka Delegito, aŭ kunsendi la monon samtempe kun la mendo. Personoj, kiuj deziras rekomendigi sian mendaĵon, aldonu 0,10 Sm.